# FORMOZA FOLIO
# 台灣世界語報

n-ro 12, Decembro 2009




**Omaĝo de Google al d-ro Zamenhof kaj Esperanto**

Google 向柴門霍夫和世界語致敬

# Enhavo

## La unuaj vortoj

***Grego Kay***

Hodiaŭ amiko informis min ke tiu ĉi jardeko baldaŭ historiiĝos, kvankam unu jaro ja ankoraŭ restas ĝis ĝia vera fino. Mi malofte pripensas tian temon, sed jes kaj "vere sage" ni ambaŭ samopiniis. Ĝi ne nur ŝajnis fulmrapida, sed kiaj ŝanĝoj, almenaŭ miavive! En apenaŭ dek jaroj mi spertis feliĉon kaj malfeliĉon kiajn antaŭe mi nur povus prisonĝi aŭ prikoŝmarumi. Ĉu ĉi dekjaraj spertoj instruis ion al mi pri la vivo? Feliĉon ne tiom ĉar bedaŭrinde oni ĉiam atendas pli: vivante estonte. Malfeliĉon, jes ĉar ĝi atentigas pri la nuno malfermante okulojn kaj animon al beleco ĉiea. Do por la venonta jardeko kaj pli grave la venontaj minutdeko kaj sekunddeko mi brakumu tiujn sperton kaj senton malfeliĉajn por ke mi ne forgesu ilin aprezi.

Mi ĝisas mian "redaktadon" de Formoza Folio kaj lasas ĝin al la ege (red.: nu,…) pli kapablaj manoj de mia kara amiko Reza, lia aro de amikoj kaj lernantoj en Pingtung, kaj la akraj okuloj de Sabine. Formoza Folio atendas vian daŭran kunlaboron kaj helpon.

## Jubileo en 2009



**La 15an de Decembro 1859 naskiĝis la kreinto de nia internacia lingvo Esperanto Ludoviko Lazaro Zamenhof.**

# Vojaĝo de tajvana masaĝisto en Japanio

*Kevin Shih*

## Mardo, 6 okt 2009 · Alveno al la flughaveno de Hirosima

La flughaveno de Hirosima situas unu horon for de la hejmo de s-ro Osioka. Ĉe la flughaveno ges-roj Osioka atendis min. En la plej lasta vico mi aperis, kaj finfine, ĉio en ordo. Lia aŭto fluge kuris, kaj atingis la loĝejon post la 21a. Kaj ĉiuj rapidis dormi por la sekvantaj tagoj.

> De la Internacia Flughaveno de Hirosima stiris mi aŭton en rapideco 130 km/h, "Same kiel junulo" laŭ aplaŭdo (kritiko) de Kevin; ni re-venis hejmen al mia domo, al la gastejo.
>
> Ĉe manĝtablo je la 22a eksplodis ridoj en babilado kun Kevin kiel en familio. Tiel, mi havas tempon kun feliĉa sento, kaj ĉio restas bonorda.
>
> Nu, mi enlitiĝos kun iom da laco kaj plena sento de feliĉo, post gustumado de varia fermentita tohuo en boteletoj, donaco de amiko Reza el Tajvano.
>
> Nur porinforme, ke al mi venis Kevin Shih el Tajvano, edukita de Reza helpe de Ingrid, Flora, k.a. enorde. Ja, bonan matenon.
>
> Ĝis la,
> Osioka Moritaka

## Merkredo, 7 okt 2009 · Paca Parko, Okonomimura, Onsen Kaguramonzen, najbaro masaĝista

S-ro Osioka akompanis min al la muzeo, dume lia edzino Taeko kiel unu el volontuloj gvidis lernantojn en studvojaĝo el alia provinco al la monumentoj en la Paca Parko. Ŝi estas instruisto. Post ŝia laboro ni triope vizitis la restoraciaron Okonomimura por lunĉo, poste sur ekspresa ŝoseo veturis al Onsen Kaguramonzen en montaro. Post la vespermanĝo al ni venis invitita najbarino, pied-masaĝisto, por interŝanĝo de la teknikoj.

## Ĵaŭdo, 8 okt 2009 · Kurasiki, Himezi, Touzi en Kioto, Eo-Domo

Komenciĝis longa veturado per la aŭto al Japana Kongreso. Unue ni triope turismis en malnova urbo Kurasiki, kie d-ro Harada Hideki kaj Arai Toshinobu atendis nin, kaj ni unu horon promenadis ĝis disiĝo kun la du. Kaj ni rapidis al la kastelo Himezi, vizitis ĝin dum unu horo, kaj tuj rapidis al Kioto. La templo Touzi estas monda heredaĵo de UNESKO, proksima de ekspresa ŝoseo. Ni preferis ĝin, kaj ne iris al planita alia

templo. Ĉe stacidomo ni renkontis s-inon Tahira Masako, kaj post vespermanĝo kune vizitis la Esperanto-Domon de Kioto kaj partoprenis en babilkunsido kun Yamamoto Nioe, Micukaŭa Sumiko kaj kelkaj aliaj ĝis post 21h00. Hejme s-inon Tahira mi masaĝis, kaj noktmeze salutis s-ron Tahira Minoru dum ges-roj Osioka endormiĝis lacaj.



Vizito al Himezi kastelo

**Vendredo, 9 okt 2009 · Templo Kiyomizu-dera en Kioto**

S-ino Tahira post mallonga dormo servis manĝon el panoj, fruktoj, kafo, ktp. kaj nia triopo ekveturis, survoje turismis en templo Kiyomizu-dera en mateno. Al Esperanto-Domo en Yatugatake nia aŭto rapidegis, kaj vespere atingis la Domon post la tajfuno. Ĉar s-ro Osioka sukcesis sola stiri al la celita loko por la gasto, li tuj komencis trinki, kaj ne plu laboris.

**Sabato-lundo, 10-12 okt 2009 · Japana Kongreso en Koohu kun fakkunsido 90-minuta pri tajvana piedomasaĝo**

En la unua tago oni havis du ekskursojn, kaj malmultaj venis al la kongresejo. Antaŭ la fakkunsido de masaĝo venis ricevi masaĝon de mi s-ino Ishikawa Fukiko kaj alia, kaj la kunsidon ĉeestis ges-roj Kurita Kimiaki, Sano Youko, sume sep kongresanoj. La interpretado bone iris komence, poste ne glate pro multaj terminoj. Post la prelego per *PowerPoint* mi rekte gvidis masaĝon. Poste, venis al angulo en studenta manĝejo por ricevi masaĝon ges-roj Murata Kazuyo, Tanaka Tetsuji, Makino Mitsuo, Sanpei Keiko, Yazaki Yoko, Ooguro Yukiko, Kurita Kimiaki, Suzuki Keiichiro, kaj aliaj.

La 10an vespere ĉe la kongresa hotelo mi donis masaĝon al ges-roj Syôzi Nobuyuki kaj Keiko, la 11an s-ro Syôzi invitis min kaj s-ron Osioka al lunĉo ĉe la restoracio „Vento“ en vinaj kampoj de najbara urbo.




Akceptejo de masaĝo

**Lundo-mardo, 12-13 okt 2009 · Postkongresa kunloĝado**

Post la fermo ni tri kun francaj geedzoj veturis al la domo en Yatugatake kaj mi denove prelegis per PowerPoint kaj donis masaĝon al ges-roj Yamada Tadasi kaj Simako, Miyazaki Hideko, Yokoyama Taeko, kaj al la filino de Osioka. Mi sentis min plene feliĉa en sukceso de mia laboro.

**Merkredo, 14 okt 2009 · Ekveturo. Vespermanĝo en Hirosima**

Ni veturis 750 km dum 9 horoj, kaj revenis al la hejmo de ges-roj Osioka.

**Ĵaŭdo, 15 okt 2009 · Insulo Miyazima, Esperanto-Centro**

Ĉar mi volis ricevi japanan masaĝon ĉe kliniko ni vizitis je 9h30 plej proksiman klinikon, kaj poste iris al apoteko de ĉina medicino, kaj mi aĉetis ses saketojn de herboj, sekigitan jujubon, ktp. por supo. Poste ni turismis sur insulo Miyazima. Vespere ni havis kun Yamada Kanto kaj alia membro Sugawara Eizi vespermanĝon, kien denove venis la najbarino, babilis ĝis 21h00.

**Vendredo, 16 okt 2009 · Ekveturo al Tajvano**

Mi manĝis nur kareon, kaj je 6h30 ekveturis kaj je la 9a mi prenis la aviadilon. Mi ĝisrevidis kun Osioka kun multaj neforgeseblaj kaj bonaj memoraĵoj. La Japana Esperanto-Movado estas tre vigla kaj mi lernis multon de ĝi. Mi esperas ke estonte mi povos utiligi miajn spertojn en Japanio por nia Movado en Tajvano.

# 日本之旅札記

施驊恩

今年六月份決定要參加十月份第 96 屆日本世界語全國大會，由於決定時間太晚導致日本方面聯絡人忍岡先生有點措手不及，除了要幫我報名參加大會外，還得幫忙聯絡其他日本各地的世界語同好，而且又得幫我規劃所有行程、住宿、交通工具，甚至幫我宣傳想要腳底按摩的世界語同好，利用在為世界語者腳底按摩服務時對談世界語並且可以節省住宿與旅費，上述煩雜的過程，讓我深刻體會世界語的力量，竟是如此之大。

從今年七月份開始每天到 Reza 老師家練習世界語會話，以及每星期二和 Ingrid 在一家咖啡廳練習日常對話，晚上下班回家利用 lernu 網站再學習 30 分鐘的生字與聽力，就是這樣逼自己學習世界語。雖然辛苦，不過對我而言短短三個月的確連自己都發現自己進步的速度真的很快。

參加世界語大會的日子終於到來，懷著一顆忐忑不安的心與臺灣許多人的祝福前往日本。飛機比預期時間提早 20 分鐘，當順利出關後我開始尋找我熟悉的世界語標誌，果不其然忍岡太太早已把綠色星星旗幟拿在手上，素未謀面只因為一句”SALUTON”已經將我們緊密的連接起，好像是許久未見的好朋友一般，相信有到機場或車站接世界語同好的人應該都有如此的感受；很快的當忍岡夫婦引導我坐上車子後，車子飛快的奔馳在日本的高速公路上，這時的我還一直在想，我真的在日本了嗎?

和平公園是旅遊廣島時必到的參觀景點，第一次聽到和平公園比較詳細的介紹是去年 Ingrid 和 Flora 造訪後的心得，當自己造訪時，除了張大眼睛想把所有景象全部補捉進腦海外，當然照相機也加入補捉行列，因為深怕遺漏掉重要事項，回來臺灣後無法向許多朋友分享；旅遊不能少掉美食，著名的廣島燒必然是我們拜訪的行程重點，享受完美食後，再親臨廣島市郊外的露天溫泉，人生如此悠哉，因為世界語 ………。

隨著大會開幕的腳步愈來愈接近，我們一行三人將從廣島開車前往會址位在山梨縣的甲府市，共計行車時間十小時……，又是一種全新的體驗，我們一行三人沿路開始且走且停，因為一切忍岡先生早已安排妥當，我只要負責上車睡覺下車參觀與尿尿就可以，因為世界語讓我感受賓至如歸；當車子停止後，我們已經在著名的姬路城外，除了形容它壯觀外，我只能用很虔恭的心情造訪它，以表達對它的尊敬之心。

參觀完姬路城後我們又開始趕行程，經過兩小時後我們已經抵達今天預計過夜的地方一京都。接待我們的是 Tahira Masako 女士，她非常熱情的招待我們吃晚餐以及陪同我們拜訪京都世界語言中心，也與京都地區世界語同好交換學習世界語的心得認識彼此，再熱絡的氣氛之中結束了拜訪行程，晚上得早一點休息為明天

的遙遠路程做準備，不過對我而言，此行的目的，除了拜訪許多日本的世界語同好外，最重要的是介紹臺灣的腳底按摩給許多的好朋友體驗，在睡覺前三十分鐘，我爲今天接待我們的 Tahira Masako 女士按摩腳底，也順便告知她身體的問題並且告訴她幾個重要的保健方式；在按摩的過程中其實我的內心十分感動，世界語的好朋友無論生活富裕或貧困，他們都非常的認真爲全世界來自不同地方的同好服務，至少今晚的京都之行我已經深刻的體會，這也將是我全心投入推廣世界語的動力..在臺灣。

一大早 Tahira Masako 女士已經幫我們準備豐盛的傳統日本早餐，在道別 Tahira Masako 女士後，我們順道拜訪了京都著名的觀光景點一清水寺；一道斜坡似乎在告訴世人它的莊嚴，信眾必須要用雙腳證明他們的虔誠，用清水洗滌沾染煩瑣的雙手，經過多重的考驗後，進入寺內猶如新生，太神奇了，只能說自己體會才知道是否真的如此。很快的我們又再度的奔馳上高速公路，中途休息時只見忍岡先生趕緊洗把臉，喝杯咖啡提提神，對我而言，此情此景將不斷的出現在未來幾天的旅途之中，終於在引頸期盼中抵達了此次的重點行程之一八岳，也是日本著名的世界語者休憩交流的山莊，我們開始討論未來幾天的菜單，雖然我是作客，但也提供了幾道臺灣料理，豆腐乳雞、蚵仔煎，其中豆腐乳雞竟然意外成爲討論的焦點，甚至有人提議等大會結束後，要求我再做一次給他們品嚐，我也因爲豆腐乳雞，讓許多日本的世界語同好很快的認識我。

當我們到達八岳的世界語山莊時已經快接近黃昏了，於是決定先到附近的山路逛一逛，趁機享受八岳山林的森林浴，也順道瞭解附近的一處奇景三分之一湧泉，顧名思義它是由一處分成三個不同方向天然湧泉，泉水清澈見底讓人心曠神怡，流連忘返。在天色的催促下我們依依不捨的回到山莊，山莊內有兩幅中文書法，它們的內容分別是，**有朋自遠方來不亦樂乎**，另一幅寫道，**涓滴之恩，當思湧泉相報**，它們是由北京世界語中心贈予，此時的我腦海一直不斷的反問，那臺灣的呢?很報歉，你是第一個造訪此地的臺灣人，一位很資深的日本世界語者如此的告訴我，我好像要高興才是，但我卻一點也沒有感受愉悅的心情，只是心中一直盤算者回國後的種種願景......對世界語。

終於大會舉辦的日子已經到來，我們其實已經距離甲府不到 30 分鐘的路程，所以提早到達此次的大會舉辦地 — 山梨縣英和大學。它是一所占地不大的地區大學，不過卻擁有許多來自中國、韓國的留學生，雖然我並未瞭解許多有關大學的事情，但至少它的校園裡不時的傳出學生練習大提琴的優美聲音。大會將我安排在第一天的下午 2 點 30 分，介紹臺灣式腳底按摩，當時間一分一秒的接近報告的時刻，就像有千斤重的石頭壓在身上，不過等到與會者陸續的進入教室後，我又期望能夠有更多的人進入教室，讓更多人瞭解臺灣的腳底按摩，終於的在我手舞足蹈的介紹下，完成了我此行最重要的使命。

此次參與日本世界語大會，讓我印象最深刻的是許多年長者，不惜千里共襄盛舉，如此精神是值得學習的，我曾問過幾位年長者，爲什麼要學習世界語，他們

共同的答案是，追求和平，遠離戰爭；這些話時常停留在我的心中，雖然是遙不可及，但至少他們從本身做起，就像涓滴之水可穿石般的精神，他們內心的處境與世界語在臺灣發展的狀態是相同的，我只能效法他們學習世界語的精神，或許有一天，臺灣世界語大會能夠有來自各個不同角落的好朋友到臺灣共襄盛舉。最後我想藉由此次的機會，由衷感謝曾經幫助我此次日本之旅的好朋友，我想將他們的名字鋪陳在文章的最後，是唯一能夠表達我的感謝之意。

（Osioka Moritaka kaj Taeko 忍岡守隆 & 妙子、Harada Hideki 原田英樹、Arai Toshinobu 荒井敏允、Tahira Masako 田平正子、Syozi Nobuyuki & Keiko 東海林信行 & 敬子、Yamada Tadasi & Simako 山田義 & シマ子；Reza Kheirkhah、Ingrid 莊迎華與屏東所有世界語同好）。



與日本世界語者沖惠明、藤本律子及另一位初學者（由左至右）合影於山梨縣英和大學。

## Vorto de la tago www.lernu.net

**FERIO** 假期

Libera tago, dum kiu oni ne estas devigata labori:

**La lernantoj havis ferion.**

**Miaj ferioj komenciĝos en Julio.**

**La impresoj pri feria vojaĝo estas tre belaj.**

# Zamenhoffesto 2008

***Reza Kheirkhah***

La pasintjara Zamenhof-festo okazis en bela kaj luksa halo de pindonga kulturejo „Semaro-kafejo“ dimanĉe posttagmeze, la 14an de Decembro, unu tagon antaŭ la naskiĝtago de la Esperanto-kreinto Ludoviko Zamenhof.

Pli ol 65 partoprenantoj ĉeestis la feston kun feliĉa kaj scivolema humoro. La kombinaĵo de partoprenantoj estis tre bunta. De dekjaraj geknaboj ĝis la 75-jara emerita profesoro; komencantoj de Esperanto, meznivelaj kaj altnivelaj esperantistoj, Esperantofremdaj junuloj kaj geamikoj de Esperanto. Gastoj el Tajpeo (usona David Bell kaj sudafrika Sean Weilian), Esperanto-instruistoj (irana Reza Kheirkhah kaj novzelanda Simone Robert) kaj filipina Cherry Glori ktp. ĉeestis la feston.



En nia 36-paĝa broŝuro aperis detaloj pri la programo, informoj pri Esperanto kaj ankaŭ mesaĝoj el 15 landoj en Esperanto kaj naciaj lingvoj de la mesaĝintoj kun bildoj. La detala raporto pri Zamenhof-festo 2008 en Tajvano (en ĉina lingvo kaj Esperanto) kun multaj fotoj estas videbla je: http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/zam-2008/
kaj http://web.idv.nkmu.edu.tw/~cmcho/zamenhof-2008/
kun pli multe da bildoj. Se okazas problemo pri lego de ĉinaj literoj, bv. ŝanĝi la kodoprezenton de la retumilo al UTF-8.

## Riĉa kunveno

***Prof. Cho Chao-ming (Abengo)* 卓照明**

La monata kunveno de Pingtung-aj Esperantistoj okazis la 21an de Februaro en la vegetara manĝejo Bolomi. La ĉi-monata kunveno estis tre agrabla kaj informoriĉa.

Nia instruisto Reza ĵus revenis al Tajvano el sia hejmlando Irano, kaj Prof. So Gilsu kaj lia edzino ĉeestis en la kunveno kiel niaj gastoj. Pli ol 10 niaj membroj partoprenis en la kunveno.

Nia kunvenejo restoracio Bolomi estis renovigita en budaista stilo kun tre belaj budaistaj bildoj, ĉarmaj tibetaj mandaloj kaj ĉinaj kaligrafaĵoj. En la restoracio oni aŭskultis trankvilan agrablan muzikon de meditado. La etoso estis tre taŭga por nia kunveno, ĉar niaj gastoj estas sinceraj budaistoj.

Unue ĉiu partoprenanto ricevis poŝtkarton kaj du libretojn de s-ro So. Post la enkonduko de niaj gastoj far Reza, s-ro So prezentis sin mem, kion Abengo interpretis. Jen lia sinprezentado:

Sinprezentado de Prof. So Gilsu

Mi estas So Gilsu, profesoro pri ekonomiko el Koreio, naskiĝinta en Guangju Urbo de Koreio en la jaro 1944. Mi kaj mia edzino ambaŭ estas esperantistoj. La nuna vizito al Tajvano estas mia sesa, kaj la unua por mia edzino. Mi eklernis Esperanton en mia unua jaro de universitata studado. Post dumonata lernado, mi jam instruis Esperanton en universitato, kio igis min jam bona parolanto de la lingvo. Pro mia sperto en Esperanto mi donis ankaŭ Esperantan instruon al lernantoj en aliaj universitatoj en Koreio.

Surbaze de la sukceso de mia instruo mi baldaŭ povis fondi Korean Esperantistan Junularan Organizon. Kiel prezidanto de la organizo mi korespondis ofte kun Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj Tutmonda Esperanta Junulara Organizo (TEJO), kaj estis multfoje invitita partopreni en la Internacia Esperanta Junulara Kongreso aŭ Universala Kongreso. Pro mia aktiva partoprenado en la Esperanto-movado mi estiĝis estrarano de UEA pri Azia Agado kaj scienco. Dum sesjara

estraraneco mi vizitis Ĉinion, Tajvanon, Vjetnamion, Nepalon, Baraton, Mongolion ktp. en Azio, kaj multe da landoj en Eŭropo, Aŭstralio, Sudameriko kaj Nordameriko.

Mia unua vojaĝo al Tajvano okazis en 1968, kiam mi estis elektita kiel korea interŝanĝo-studento al Tajvano. La vojaĝo estis per ŝipo anstataŭ aviadilo. Krom mia oficiala vizito al diversaj universitatoj kaj vidindaĵoj mi vizitis Fu-jen Katolikan Universitaton por renkontiĝi kun la sola Esperanto-instruisto en Tajvano, Patro Johano Kao (高思謙教授).

Mia dua vizito al Tajvano okazis en 1975, kiam mi prenis ŝancon viziti Pastron Marko Wang (王步融), kiu estis la verkinto de la unua Ĉina-Esperanta Vortaro en Tajvano. La pastro donis al mi la freŝe eldonitan vortaron kun sia subskribo. Hieraŭ mi donacis la vortaron al profesoro Cho, pro lia bonkora helpo al mi, kaj lia kompilado de Esperanto-Ĉina Vortaro. Mi vojaĝis en Tajvanon triafoje en 1980 por partopreni en la kunveno de eksaj kunlernantoj de katolika Salesia Mezaltlernejo.

En 1986 okazis la Universala Kongreso en Pekino, post la partopreno de la kongreso mi vojaĝis revenvoje al Tajvano kun kelkaj esperantistoj. En Tajpeo mi renkontiĝis kun esperantistoj. En 1990 mi kvinafoje vizitis Tajvanon. Kiel estrarano de UEA pri Azio, mi vojaĝis al Tajvano por travivi la Esperanto-movadon en Tajvano. Esperanta kunveno, kiu bonvenigis min, okazis en montaro Wulai apud Tajpeo. Dume mi jam travivis la vivantan Esperanto-movadon. Manlajo, Zhong Qiyao, finna Esperanto-instruistino Sabira estis en la listo de partoprenantoj.

Mia nuna vizito en Tajvano estas la sesa. Mi volas vidi mian malnovan amikon Reza, kaj ankaŭ renkontiĝi kun la tajvanaj esperantistoj. Fakte unu celo de mia nuna vojaĝo en Tajvano estas kolekti librojn kaj informojn pri purlanda budaismo. Profesoro Cho jam faris bonan tagordon por mi.

Kun la Pasporta Servo de UEA la vojaĝo de esperantisto fariĝas tre facila kaj malmultekosta. Mi jam vojaĝis en pli ol 80 landoj. Esperantistoj ĉiam donis helpon al mi por plibonigi kaj plifaciligi mian vojaĝon. Mi vojaĝis tra Siberio, mi vojaĝis en la landoj de Orienta Eŭropo antaŭ la disfalado de rusa influo (antaŭ 1990). Mi vojaĝis eĉ en Kubo, Nordkoreio. Esperanto estas tre bela lingvo por vojaĝantoj, kaj por la paco de la mondo.

Mi ne volas prelegi tie ĉi, sed mi preferus, ke ĉiuj ĉeestantoj demandu kaj mi respondos.




Demandoj al Prof. So

*Demando de **f-ino Miaozhi**: Mia nomo estas Miaozhi, mi estas sindona kristanino kaj volontulino de kristana asocio. Mi hodiaŭ renkontiĝas unuafoje kun esperantistoj. Mi ŝatas la ideon de Esperanto. Mia demando estas: Vi lernis tri jarojn en katolika mezlernejo kaj kvar jarojn en kristana universitato. Kial vi elektis budaismon kiel vian religion?*

Respondo de **prof. So:** Ĉiuj mondreligioj kristanismo, islamo, budaismo kaj taoismo estas bonaj. Oni devas elekti unu el ili kaj mi elektis budaismon. La religio donas la solvon pri vivo kaj morto, kaj budaismo donas tre bonan solvon pri tio. Do budaismo estas mia religio. Fakte mi lernis multe el kristana religio. Kiam mi lernis en la katolika mezlernejo, mi partoprenis en diservo ĉiusemajne. Mi legis la tutan biblion sesfoje.

***Dancina:** Via celo en la ĉi-foja vojaĝo estas renkontiĝo kun la budaistoj en Tajvano, kaj kolekti budaismajn librojn kaj informojn, ĉu vi povas plenumi vian deziron? Kion vi jam sentis pri tajvana budaismo?*

**Prof. So:** Jes mi povis atingi mian celon dank' al la bonega aranĝo de profesoro Cho. Mi jam kolektis multe da budaismaj libroj el Kaohsiung-a Purlanda Asocio, kaj mi jam vizitis Tzu-Chi Templaron kaj Tzu-Chi-Fondaĵon kaj Fuokuangshan Templaron. Mi sentas ke la budaisma movado en Tajvano estas aktiva kaj bela. La disciplinoj kaj la help-laboroj de Tzu-Chi volontuloj estas tre impresaj.

***Brila:*** *Kio estas via ĝenerala impreso pri Tajvano?*

**Prof. So:** La vetero ĉi tie estas tre agrabla kaj la tajvananoj estas tre ĝentilaj kaj afablaj. Mi kaj mia edzino ŝatas vojaĝi en Tajvano. La pejzaĝo de Taroko apud Hualian estas unika.

***Ŝafina:*** *Kial vi ŝatas la praktikon de purlanda amitabumo? Kion vi atingas per tio?*

**Prof. So:** Antaŭe mi praktikis Zen-budismon, kaj mi legis multe da libroj pri zena budismo. Laŭ mia sincera kaj longjara praktiko de zen-budismo mi ne povis atingi la staton de Samadio (三摩提). Mi ŝaltis mian atenton kaj praktikon al purland-budismo, kiu praktike estas pli sekura vojo al Samadio. La purlanda praktiko estas tre simpla. Oni simple ĉantas la nomon de Amitabo unuanime. La 'unuanimeco' estas tre grava, kaj praktike ne tiel facila. Mi ne emas prediki ĝin en detalo.

***Prof. Cho:*** *En Aŭgusto de ĉi jaro, vi emeritiĝos kaj fariĝos emeritulo. Kio estas via plano post la emeritiĝo? Ĉu vi intencas fari multe por la Esperanto-movado kaj vojaĝi tra la mondo?*

**Prof. So:** Post mia emeritiĝo mi volas iri al trankvila loko tri jarojn, sen kontaktoj kun la mondo, sen vortoj kun aliaj, eĉ kun mia edzino. Mi volas nur intense amitabumi, por prepari la aliron al la purlando. La vivo estos profunda sinkulturado por mia atingo.

(Ingrid interpretis la respondojn de s-ro So Gilsu. La respondoj ne estis registritaj de sonbendigilo, kaj la teksto estas pure miaj memoraĵoj. Mi petis de s-ro So redakti la tekston kaj korekti la erarojn.)

Estis jam duono post la 17a. Reza diris dankon al niaj gastoj kaj finis la kunvenon.

Post la kunveno la esperantista piedomasaĝisto Kevin proponis piedomasaĝon al s-ro So kaj lia edzino, kaj poste kelkaj esperantistoj manĝis kun la gastoj en restoracio Bolomi.

**Listo de la ĉeestintoj:**

1. S-ro So Gilsu (徐吉洙), profesoro de ekonomiko kaj fama esperantisto el Koreio.
2. S-ino I Ungum (李殷今), edzino de s-ro So, ankaŭ dojena esperantistino.
3. Reza Kheirkhah, Irana esperantisto kaj instruisto pri la angla loĝanta en Pingtung.
4. Ailin, filino de Reza kaj lia tajvana edzino Gloria, 9-jara kaj preskaŭ denaska esperantistino, ŝi parolas la persan kun la patro, la ĉinan kun la patrino kaj la anglan kun la filipina helpantino (ankaŭ esperantisto).
5. Abengo, aŭ profesoro Cho Chaoming de Kaohsiung Mara Universitato, kiu esperantistiĝis antaŭ du kaj duona jaroj, kaj kiu faras ĉi tiun raporton.
6. Davido, pensiulo, multjara esperantisto kaj zorganto de komputilaj aferoj en nia grupo. Malgraŭ sia malsano li ĉeestis por saluti la gastojn.
7. Ingrid Chuang, kiu jam lernas Esperanton de Reza kelkjare. Pro tio ŝia Esperanta nivelo estas taŭga por traduki kaj instrui Esperanton. En la pasinta jaro ŝi kaj Flora Chen vojaĝis en Japanio, kaj partoprenis en la Japana Esperanto-Kongreso en kiu ili prelegis pri la kulturo kaj vidindaĵoj de Tajvano.
8. Kevin Shih, Esperanto-komencanto kaj piedomasaĝisto, kiu donis prelegon en Esperanto pri piedomasaĝo kaj proponis senpagan piedomasaĝon al la partoprenantoj dum la pasinta Zamenhof-festo.
9. Ŝafina, multjara E-lernantino de Reza. Ŝi estas diplomita spertulino de natura kuracado, kaj donas konsilojn pri taŭgaj manĝaĵoj por bela kaj sana korpo.
10. Brila, multjara esperantistino. Ŝi donis prelegon pri la arto de argilumo en la pasinta Zamenhof-festo. Ŝi instruas argilumon al junuloj aŭ plenkreskuloj en asocioj, lernejoj, eklezioj aŭ private.
11. Dancina, bela esperantistino, kiu ŝatas dancadon kaj dancas bone, do pro kio ŝi akiris la nomon Dancina.
12. Fraŭlino Miaozhi, sindonema kristanino kaj volontulino. Antaŭe ŝi nenion konis pri Esperanto aŭ E-movado. Nun ŝi jam parolas „Mi estas Miaozhi“ kaj „Dankon“.

# Ĵurnalo raportis pri Esperanto-kurso

*Reza Kheirkhah*

En ĵurnalo United Daily News en ĉina lingvo (2009/Marto/21) oni raportis pri Esperanto-kurso en Pingrong mezalta lernejo en Pingtung kaj ankaŭ aperis kolora foto pri tio.

En tiu tago tri raportistoj el tri ĵurnaloj venis kaj intervjuis min, Chuang Yin-hua (Ingrid) kaj eks- kaj nunajn E-studentojn de tiu lernejo kaj prenis kelkajn fotojn. Unu ĵurnalisto venis en la posta merkredo por partopreni mian kurson kaj vidi kiel mi instruas.

其報導全文如下：

## 屏榮世界語社 拓展學生國際觀

.【聯合報／記者劉星君／屏東報導】

屏東縣屏榮高中的「世界語社」，由來自伊朗的瑞察（前排左2）擔任老師，協助學生與法國的高中生通信，拓展國際觀。

屏東縣屏榮高中的「世界語社」拓展學生視野，學習世界語接觸外國人，認識不同的外國文化，開拓國際觀。 每周三下午的社團時間，世界語社的學生們，在外國老師瑞察的帶領下，學習「世界語」已經有6年，有學生畢業後仍持續學習。

什麼是「世界語」？瑞察說，世界語於1887年，由波蘭的猶太裔眼科醫師柴門霍夫博士發明，迄今100多年，全球各地都有地方性的世界語協會，隨著網路發展，越來越多人透過網路免費線上學習，讓學生有機會接觸、了解各國文化。

瑞察說，世界語不屬於那個族群，也不屬於哪個國家，很容易學習，是根據印歐語言改編而來，全世界至少有200萬人經常在使用。

屏榮高中三年級的陳芝婷學習世界語兩年多，因爲法國當地的高中有上世界語課程，主動與她們聯繫，每次通信用世界語溝通，結交到國外朋友，感覺很興奮，希望有機會可以出國與他們見面。

http://udn.com/ NEWS/DOMESTIC/ DOM6/4801614. shtml

# El la blogo de Mirejo

*Mireille Grosjean*

**Vojaĝo**

Mi havis hieraŭ flugon de la flughaveno de Kansai al Taipei. Mia amikino Masako san akompanis min ĝis la flughaveno. La trihora flugo disvolviĝis bone. Mia kolego Reza el Irano sendis junan virinon al la flughaveno por preni min peraŭte kaj veturigi min al la stacidomo de la rapida trajno. Mi veturis per tiu trajno dum unu horo kaj duono, ĝi estas frateto de la japana Shin Kan Sen. Mi alvenis en Zouying. Tie du sinjorinoj atendis min kun sia veturilo kaj gvidis min al Pingtung al la domo de Reza. Ni povis finfine konatiĝi post 25-jara leterkontakto!!

**Ŝanĝo**

Ili havas nigrajn harojn kaj nigrajn kaj migdalformajn okulojn. Ili manĝas per manĝbastonetoj. Fojfoje ili atendas kaŭrante. Ili skribas per ideogramoj. Mi vidas la samajn legomojn en la vendejoj.

Jen la komunaj punktoj inter japanoj kaj tajvananoj.

Ĉio cetera estas **malsama**.

Mi ne plu vidas fonetikan skribadon (hiragana kaj katakana, kiujn mi lernis kaj kapablas legi), konsekvence mi nenion povas legi nek kompreni. Mi aŭdas ĉinan kaj tajvanan lingvon ĉirkaŭ mi, temas pri tonlingvoj, la parolantoj kantas. Mi komprenas kaj kapablas diri „Shie Shie” dankon kaj „nihao” saluton.

Japanoj veturas maldekstre, tajvananoj veturas dekstre. Tajvananoj uzas multege da malgrandaj motorcikloj. Naturo estas tute malsama, la arbospecoj, ĉiuj plantoj. Ni estas pli en la sudo. La temperaturo estas por mi somera. Mi devis fosi en mia valizo por trovi sandalojn kaj kotonan ĉemizon.

**Festival’**

Juna esperantisto el Pingtung invitis nin al sia proksima vilaĝo. Budhisma festivalo okazis en tiu dimanĉo kaj tio okazas ĉiun trian jaron.

**Reza**

Reza Kheirkhah estas irana esperantisto. Ni estas en letera kontakto ekde 25 jaroj, tamen ni neniam renkontiĝis! Ĉar mi estas en tiu ĉi flanko de la mondo, mi decidis meti lian loĝlokon en mian programon kaj jen mi estas en Tajvano, kie li loĝas ekde la jaro 2000. Li edziĝis kun tajvananino.



**Hakka**

Hakka estas lingvo, kiun oni parolas ĉi tie en Tajvano. Ekzistas pluraj lingvoj sur la insulo nomata Formozo. La plej ofta estas la ĉina. Poste venas la tajvana. Poste venas la hakka. Poste venas la lingvoj de la indiĝenaj popoloj, kiuj konsistigas du procentojn de la loĝantaro de 23 milionoj da homoj. La ĉina lingvo utilas al ili kiel Esperanto por reciproka interkompreniĝo.

**Pasko**

Dimanĉe vespere la 12an de Aprilo mi estis invitita al aborigena paroĥo, kiu festis Paskon. Komuna manĝo, loterio kun bicikloj kiel premioj. Pastoro estis hispano. Etoso estis festa.

**Masaĝo**

Mi havis masaĝadon de piedoj, kruroj, ŝultroj kaj nuko. Juna viro esperantista nomata Kevin – mi supozas, ke li havas ĉinan nomon, tamen mi ne konas tiun nomon – estras klinikon ĉi tie tute proksime kaj mi iris tien. Mi sentis min tute bone dum kaj post la masaĝo, kvankam la masaĝo fojfoje estis preskaŭ doloriga.

Mi memoris pri mia masaĝo en Ĉinio en la jaro 2004: juna viro, kiu masaĝumis min, konsultis min demandante: „OK?" kaj kaze ke ĉio iris bone, mi respondis „OK!". Post unu horo li anoncis „Finish!"…



Ĉi tie en Pingtung mia masaĝisto diris al mi, ke laŭ liaj observoj mi certe havas ofte kapdolorojn; jes prave! Mi havis migrenojn, kapdolorojn dum mia tuta vivo ĝis la aĝo de 52 jaroj. Li priskribis al mi la dieton observendan kontraŭ podagro. Li sciis multon. Mi denove iros morgaŭ por ricevi masaĝon.

**Paneoj**

*Unua paneo: mia fotilo*
La malantaŭa vitro fendiĝis. Mi esperas, ke ĝi restos en bona ordo ĝis mia reveno. Ĝi estas al mi ankoraŭ pli nemalhavebla ol mia dentobroso.

*Dua paneo: mia valizo*
Mi atendis paneon ĉe radetoj aŭ ĉe zipo. Tamen la tenilo ekstrikis. Se mi remetas ĝin komplete internen, mi ne plu povas retiri ĝin eksteren. Mi devis klopodi fari iujn bremsojn, por eviti, ke iu fuŝe metu ĝin internen denove.

*Tria paneo: miaj okulvitroj*
Ŝraŭbo eskapis. Mi devis trovi optikiston. Miaj okulvitroj havas plurfokusajn vitrojn, tio signifas, ke ili ebligas al mi vidi bone foren kaj proksimen. Kompreneble mi havas du rezervajn okulvitrojn, unu por vidi foren, unu por vidi proksimen. Ili multe utilis al mi dum tiuj ĉi tagoj.

*Kvara paneo: dento*
Mi havis fortegajn dolorojn alvenante al Tajvano. Mi bezonis urĝe dentiston. Ni promenis rondirante en la kvartalo kaj la tria dentisto

akceptis min tuj. Li faris radikokuracadon, li donis al mi pilolojn kontraŭ doloroj, li flegis min kvarfoje dum tri tagoj. La stato de lia laborloko ne atingis la staton de mia banĉambro, kiu ne atingas la staton de la laborloko de mia svisa dentokuracisto. Tamen fojfoje oni ne devas esti tro postulema. Mi pasigis plenan tagon sur mia lito kun doloroj, poste mi resaniĝis. Eble mi bezonis iom da ripozo….

**Paiwan**

Paiwan estas indiĝena popolo sur la insulo Tajvano. Mi povis viziti ties centron en la montaro apud la urbo Pingtung. Estas 70 000 personoj, kiuj parolas paiwanan lingvon en Tajvano. Estas 30 000 personoj, kiuj parolas romanĉan lingvon en Svislando.

**Ruba Ruba**



Ruba Ruba apartenas al la etno Paiwan, kiu vivas proksime de la urbo Pingtung sude de Tajvano. Ruba Ruba origine apartenas al la popolo Rukai. Ŝi edziniĝis al viro de la etno Paiwan. Ŝi sukcesis en kunigo de du kulturoj. Ŝi estas 86jara. Ŝi ne kapablas legi nek skribi. Ekde 1964 ŝi dediĉas sian tempon al la kutimaj manlaboroj de sia popolo. Dum nia ekskurso en la montaro ni atingis ŝian vilaĝon kaj trovis ŝin tute hazarde, ŝi estis teksanta pere de sekigitaj folioj de „yuetao” (mi devas trovi la nomon de tiu planto, sed mi ne ankoraŭ trovis tempon por fari tion). Mi estis impresita de ŝia vigla rigardo.

Ni alvenis en la vilaĝo de la popolo Paiwan, Ingrid (tajvana esperantistino), Saburo (tajvana esperantisto kaj instruisto pri la angla kaj la japana lingvoj), Golam (irana esperantisto kaj amiko de Reza) kaj mi. Mi volis foti kaj mi promenis sur la placo. Ingrid venis kun mi. Tra la

fenestro mi vidis Ruba Ruba dum teksado. Oni montris al ni, ke ni rajtas eniri la domon.

Interparolado komenciĝis inter Ingrid kaj Ruba Ruba en la ĉina lingvo. Tre rapide mi komprenis, ke ni tiam estis en neforgesebla momento, en eksterordinara kontakto. Post ĉirkaŭ dudek minutoj mi sugestis al Ingrid, ke ŝi telefonu al la du viroj, kiuj restis sur la teraso de la restoracio, por ke ili venu. Ili alvenis. Saburo observis, (li klarigis tion al mi poste, ĉar dum la interparolado estis klare, ke ni ne volis perdi tempon en diversaj komentoj) ke Ruba Ruba parolis la ĉinan malfacile, kun eksterlanda akĉento kaj uzante multajn japanajn vortojn. Pro tio li ekparolis kun ŝi en la japana lingvo. La kontaktoj fariĝis viglaj kaj interesegaj. Ruba Ruba diris mallongajn frazojn kaj prononcis ĉion tre klare. Mi estis tre feliĉa, ĉar mi povis iom kompreni, mi povis sekvi la konversacion proksimume je 30 aŭ 40 procentoj. Mi povis doni kvitancon dirante „Wakarimasu" (= mi komprenas). Oni ne rajtas forgesi, ke Japanio havis Tajvanon kiel kolonion de 1895 ĝis 1945. Tio estas la kaŭzo, kial Ruba Ruba parolas krom sia etna lingvo la japanan.

## Vorto de la tago www.lernu.net

**RESPEKTO** 尊敬

1. Sento, kiun oni havas pri la alta kvalito de io, kaj kiu igas onin eviti atenci aŭ spiti ĝin:

**Al moroj ni devas rilati kun la plej granda respekto.**

**Kiu groŝon ne respektas, riĉecon ne kolektas.**

**Vi malrespektis la reĝan majeston kaj vi estos punita!**

2. Sento de profunda estimo, kiun oni havas antaŭ persono pro ties supera karaktero aŭ rango:

**Ŝi salutis min kun granda respekto.**

**Rangeto rangon respektu, modestan lokon elektu.**

**Li faris respektan saluton.**

**Tiu respektinda virino helpis al mi.**

*7 jul 2009*

# 世界語發源都市提供公車廣告教學

波蘭有關當局上週四表示，爲了紀念十九世紀「世界語」創始人的一百五十歲冥誕，將在他家鄉的市公車上刊登該人工語言教學的廣告。

波蘭新聞社報導，比亞維斯托克市議會宣佈，爲了向路德維克・柴門霍夫致敬，議會將把公車上的廣告換成世界語教學廣告，提供單字和簡單片語供民眾自學。

比亞維斯托克市（位於波蘭東北部）的這項措施，是爲了全球世界語年度代表大會做準備，該大會預定七月二十五日到八月一日舉行。

猶太裔的柴門霍夫一八五九年十二月十五日出生於該市。

當時該市屬於帝俄的領土，是多元種族聚居的中心，居民或說波蘭語、意第緒語、白俄羅斯語或俄語。

柴門霍夫夢想有一天人們能以不具政治意涵、不會產生誤解的共通語言溝通，進而促進世界和平。

柴門霍夫的本業是眼科醫生，他利用閒暇之餘結合羅曼語、日爾曼語和斯拉夫語的句構，以及一點拉丁文和希臘文的文法，在一八八七年發明了這種簡單易學的語言。

這種語言以他的筆名「Esperanto」命名，這個字意指「希望」。

柴門霍夫於一九一七年逝世，葬在華沙的猶太公墓。

據估計，全球約有兩百萬人會說世界語。

（法新社／翻譯：袁星塵）

Taipei Times estas la plej populara kaj kvanta angla ĵurnalo en Tajvano. Ĝi kelkfoje ankaŭ havis artikolojn pri Esperanto, kio estas rara en tajvana amas-komunikilaro. Jen unu novaĵo pri Esperanto en ĝia dulingva paĝo, kiu prenis unu tutan paĝon (dato: 2009/Julio/07). Por ŝpari spacon ĉi tie ni nur montras la ĉinan parton kaj cetere ni ne aperigas la foton, kiu fakte ne havis rilaton al Esperanto, sed temis pri iu loko en Pollando.

# 雪山簡記
# Skizo de Neĝa Monto

***Luna*** 范瓊月

***trad. Wang Ju-kwei*** 王九逵

雪山爲雪山山脈第一高峰，亦爲全台灣僅次於玉山的第二高峰，海拔爲 3886 公尺。雪山與玉山、南湖大山、秀姑巒山、北大武山併稱「台灣五岳」，「雪山」名稱是來自於泰雅族人普遍稱呼此山「Sekoan」，意爲「岩壁的裂溝」，雪山主峰的東北側下方，呈東北方向開口之長橢圓形窪地，日據時代許多地 理學者認爲應是圈谷（ 冰斗）地形證據，後還有人研究出擦痕（Striation）和冰坎（Cirque threshold）等地貌，證實雪山圈谷在上個世紀的冰河期確實發生過冰河作用，並鑑定出冰斗與冰斗湖的存在與位置。

Neĝa Monto estas la plej alta monto en la Neĝa Montaro, kaj la dua plej alta monto en Tajvano (la unua estas Jada Monto). Ĝi estas alta je 3886 m super la marnivelo. Ĝi estas unu el la kvin plej famaj montoj en Tajvano: Neĝa Monto, Jada Monto, Nanhu-Montego, Xiuguluan-Monto kaj Norda Dawu-Monto. Alia nomo de Neĝa Monto laŭ la loka aborigena lingvo estas Sekoa-Monto, kiu venis de la Tayala lingvo „Sekoan“, kies signifo estas „fendo inter ŝtonaj muroj“. Sub ĝia nordorienta deklivo troviĝas longa elipsoforma malaltaĵo malfermita nordorienten. Dum la tempo de la japana okupado, geologoj konjektis ke temas pri glacibasena, „cirko-vala“ landformo. Poste fakte oni trovis striojn sur la rokaĵo, skrapitajn de moviĝanta glacio, kaj malkovris ankaŭ la sojlon de la cirkovalo. Do estas pruvite, ke dum la lasta glaciepoko glacifluo ekzistis tie. Ankaŭ la ekzisto de glacibasenoj estas pruvita kaj la lokoj de glacibasenaj lagoj estas determinitaj.

筆者第一次於 2008.8.29 首次拜訪這神聖的山，從登山口開始，經過 3 個小時到達雪山東峰，經過第二個山莊 1 小時後，轉入一片原始冷杉純林，俗稱黑森林，行走於林相優美的林間，沉浸在濃郁芳香的森林浴中，每呼吸一口都充滿大自然的喜悅，若非領隊頻頻叮嚀不宜久留，以免遇上大型野生動物，真是令人不想離開。

Mi unuafoje vizitis ĉi tiun sanktan monton je 29a de Aŭgusto, 2008. Mi bezonis tri horojn por iri de la monta enirejo ĝis la orienta pinto de Neĝa Monto. La unua horo portis min tra du montaj vilaĝoj al arbaro de praaj abioj, tiel nomata „Nigra Arbaro“. Irante en la belforma arbaro kaj

baniĝante en la arba aromo, mi plene ĝuis ĉiun spiron de natura aero. La ĉiĉerono multfoje admonis min ne resti en la arbaro por longe, pro timo, ke grandaj bestoj povus renkonti min. Tio estis la sola sed grava kialo por mi rapide trairi ĝin.

離開黑森林後，即進入圈谷地型，首映眼簾像極了一座橢圓形的舞台，卻壯大的令人震驚，大自然的鬼斧神工，將其曲線雕琢的如此優美，而身處亞熱帶的台灣，卻還能見識到冰河遺跡，真是令人驚訝！

Post la nigra arbaro, mi eniris en la cirkan terenon. Mi ekvidis elipsoforman etaĝon, kiu mirigis min pro grandeco. Mirindege estas ke la artema naturo tiel bele gravuris la kurbojn kaj ke glacifluo povis aperi en Tajvano, kiu situas en la subtropika zono!

圈谷優美的弧線卻不易行走，此處海拔已達約 3600 公尺，陡上碎石坡更是不易，沿途經過 2003 年被火燒的整片圓柏矮灌，筆者花費近 1 小時，才攀上雪山主峰，標高 3886 公尺，完成登頂心願。

La kurboj de la cirka tereno estas belaj, sed estas malfacile moviĝi sur ĝi. Ĉi tie estas jam 3600 m super la marnivelo. Estis pli malfacile grimpi sur la sabla deklivo ĝis la ĉefpinto de Neĝa Monto, 3886 m super la marnivelo. Mi pasigis unu tutan horon por plenumi mian ĉi tiun volon.

雪山主峰，與南側一百公里外的台灣第一高峰「玉山」遙遙相望，好似屹立於台灣島上的南北雙雄，山頂上更是絕佳的眺望點，360°的環狀視野一覽無遺，著名聞遐邇平常遙不可及的「聖稜線」，感覺就在眼前，立足於此，真有「登雪山而小天下」的暢快感覺。

La ĉefpinto de Neĝa Monto frontas suden kontraŭ la je cent kilometroj distanca Jada Monto. Ili staras sur la Tajvana Insulo kiel du herooj, unu ĉe nordo kaj la alia ĉe sudo. La montopinto estas tre bona belvidejo: 360-grada panoramo etendiĝas antaŭ miaj okuloj, la fama „sankta eĝo“ inkluzive. Mi sentas ĉe pinto de Neĝa Monto kiel Konfuceo sentis ĉe pinto de Taj-Monto, ke la mondo malgrandiĝas. Ho kia plezuro!



Vidu foton sur dorsa kovrilo.

# Vizito al Tajvano

*Erin Piateski*

Mi estis en Tajvano de la 9a ĝis la 18a de Oktobro 2009. Mallonga resumo pri mia vojaĝo estas ke mi venis al Tajvano pro mia laboro, ĉar mi devis ĉeesti komercan foiron en Tajpeo. Mi pasigis kelkajn tagojn en Tajpeo por viziti la foiron. Post la fino de la foiro, mi uzis kuglo-trajnon por atingi la sudon. Abengo renkontis min ĉe la stacidomo Zuoying, kaj montris al mi kelkajn vidindaĵojn en Kaohsiung. Li poste veturigis min al Pingtung, kie mi restis ĉe Reza dum kelkaj tagoj, kaj renkontiĝis kun multaj aliaj esperantistoj, kiuj portis min al interesaj turistaj lokoj. Je la fino de mia tempo en la sudo, mi renkontiĝis kun Klementina kaj vespermanĝis kun ŝi kaj kun ŝiaj studentoj. Mi tranoktis ĉe ŝi dum unu nokto, kaj poste mi reiris al Tajpeo. Mi pasigis unu lastan tagon en Tajpeo, kie mi renkontis David, kiu gvidis min tra partoj de la urbo kiujn mi ne vidis dum la komenco de mia vojaĝo. Post unu lasta nokto en Tajpeo, mi vekiĝis frumatene kaj flugis al Usono.



Ĉi tiu estis mia unua vojaĝo al Tajvano. Mi vizitis Ĉinion antaŭ dek jaroj, kaj mi ĉiam volis viziti Tajvanon, por vidi la diferencojn inter la du landoj. Kompreneble mi estis tre feliĉa kiam mi aŭdis ke mia laboro sendos min al Tajvano. Mi faris multajn turistajn aferojn en Tajvano, sed mi parolos pri tio malmulte. Mi pensas, ke por tajvanaj legantoj estos pli interese legi pri miaj impresoj pri tio kion mi vidis, ol legi detalajn priskribojn de la aferoj kiujn mi vidis.

Mia unua impreso pri Tajpeo estas ke ĝi estas tre internacia kaj moderna urbo. Mi vidis multajn fremdulojn en la stratoj, kaj neniu

interesiĝis pri mi, kvankam mi estas evidente fremda, kun miaj blondaj haroj. Mi supozis ke mi povus havi problemojn pro tio ke mi ne parolas la ĉinan, sed pri tio, mi malpravis. Ne estas malfacile navigi en la urbo eĉ se oni parolas nur la anglan. Mi ankaŭ trovis ke tajvananoj estas tre helpemaj; se mi paŭzus iom longe, rigardante mian mapon, sendube, iu haltus por demandi en la angla ĉu mi bezonas helpon, kaj tiu persono multe helpus min. Unu tajvanano iam gvidis min al mia hotelo, eĉ helpante min pri mia valizo; alia tajvanano faris telefonvokon por mi, por demandi kiel atingi iun vendejon.

Mi trovis ke ankaŭ Kaohsiung estas bela kaj moderna, sed mi ne vidis multajn fremdulojn tie, kaj mi sentis ke kiel fremdulo, mi allogis pli da atento tie, ol en Tajpeo. Kiam mi estis sola, ne estis malofte ke junuloj, precipe junulinoj, salutis min. Kiam mi unu fojon eniris la metro-sistemon de Kaohsiung, estis grupo de junulinoj kiuj salutis al mi en la enirejo, ridante la tutan tempon. Mi ridetis al ili kaj salutis, kaj iris aĉeti ĵetonon por uzi la sistemon. La maŝino havis instrukciojn en la angla, sed ĝi funkciis iom malsimile al biletmaŝinoj kiujn mi kutime uzas, do mi bezonis iom da tempo por kompreni kiel uzi ĝin. La ridantaj junulinoj ĉirkaŭis min kaj rigardis dum mi provis aĉeti mian bileton. Mi povas diri al vi, ke uzi fremdan maŝinon ne estas tiom facile kiam aro de junulinoj ĉirkaŭas vin farante 'tihihi' la tutan tempon, donante senĉesajn sugestojn!

Kiam mi vizitas alian landon, mi multe interesiĝas pri la flankoj de tiu lando kiuj estas tre malsamaj de tio kion mi trovas hejme en Usono. Pro tio, mi aparte interesiĝis pri la temploj en Tajvano. Ni havas kelkajn aziajn templojn en Usono, sed malmultajn. Kaj ili ne estas tiel belaj kaj buntaj kiel tiuj en Tajvano! Mi ŝatis la brilajn kolorojn kaj la delikatajn ornamaĵojn. Estis kelkaj aferoj pri la temploj kiujn mi ne komprenis kiam mi vizitis ilin en Tajpeo. Sed kiam mi venis suden al Kaohsiung, kaj Abengo gvidis min tra la urbo, li klarigis pri tiuj aferoj, pri la signifoj de la diversaj dioj, pri la signifoj de la agoj kiujn kredantoj faras kiam ili vizitas templon. Li montris al mi kiel oni ĵetas la du lignajn pecojn por ekscii sian sorton. Estis tre interese lerni pri la tradicia religio, ĉar en Ĉinio mi apenaŭ vidis tion. Estas temploj en Ĉinio, sed ne same multaj kiel en Tajvano. Ŝajnis al mi ke turistoj en Ĉinio iris al temploj por vidi historiajn aferojn, sed malmultaj homoj preĝis tie. Do en Ĉinio, la

temploj havis vizitantojn, sed malmultajn kredantojn, kaj pro tio ne impresis same ‘vivaj’ kiel tiuj en Tajvano.

Ŝajnas al mi ke en malvarmaj landoj, homoj restas hejme vespere kaj vendejoj estas fermitaj, kaj en varmaj landoj, homoj ŝatas esti ekstere nokte, vendejoj estas malfermitaj, kaj la strato vivas. Mi certe trovis tion en Tajvano! Mi faris plurajn vizitojn al noktaj bazaroj dum mia ĉeesto, kaj estis plezuro vidi la diversajn manĝaĵojn, la budojn kiuj vendis ĉiuspecajn aferojn, kaj la homojn kiuj amuziĝis kun amikoj. Mi bedaŭris ke mi ne povis legi la nomojn de la manĝaĵoj, sed mi ŝatis vidi kaj foti la manĝaĵojn kiuj estas tre malsamaj ol la manĝaĵoj kiujn ni manĝas en Usono. Eble tio ŝajnis amuza al la tajvananoj. Eble ili pensis ‘Kompatinda virino, devas esti ke ŝi venis de tre malriĉa lando ĉar ŝi neniam vidis kokaĵon antaŭe’. Sed granda aro de diversaj manĝaĵoj ne nur estas interesa afero por montri al miaj amikoj en Usono, ĝi ankaŭ aspektas tre bele kaj bonguste.

Mi ĉiam aŭdis ke Tajvano havas tre bonan manĝaĵon, kaj mia vizito konfirmis tion. Mi ŝatis la multajn vegetarajn bufedojn, kun ĉiuspecaj vegetaraj manĝaĵoj. Mi estas persono kiu ŝatas manĝi multajn manĝaĵojn en malgrandaj kvantoj, por gustumi diversajn aferojn, do tiaj bufedoj estas perfekta maniero por provi multajn specialaĵojn de alia lando. La manĝetoj kiuj vendiĝis sur la strato estis tre bongustaj; tio ankaŭ estis malmultekosta maniero por tagmanĝi malpeze. Estis plaĉa surprizo ke multaj vendejoj proponis pecetojn de la manĝetoj kiuj vendiĝis, aŭ tasetojn de teo. Estis plezuro povi provi la varojn antaŭ ol aĉeti ilin.

Alia flanko de tajvana vivo kiun mi povis ĝui estis pieda masaĝo. Estis surprizo vidi ke preskaŭ ĉiu strato ŝajnis havi masaĝejon, kaj ke homoj iras relative ofte por piedaj kaj korpaj masaĝoj. En Usono, masaĝoj estas taksitaj tre ‘luksaj’, kaj estas relative malmultaj masaĝejoj, kaj oni malofte vizitas ilin. Mi fakte neniam havis piedan masaĝon antaŭe, sed Rico el Pingtung tre ĝentile donis al mi mian unuan piedan masaĝon! La masaĝado estis iom dolora, sed estis bone scii ke mi faras ion kio estas bona por mia sano. Estis interese ekscii ke masaĝado estas tiel grava parto de tajvana kulturo. Estis surprizo vidi la ‘masaĝajn padojn’ en publikaj parkoj, por masaĝi siajn piedojn per senŝua marŝado sur ŝtonoj. Mi provis unu el tiuj padoj kiam Abengo montris al mi la vidindaĵojn de

Kaohsiung – mi tamen ne sukcesis marŝi laŭ la tuta longeco de la pado, ĉar estis tro dolore al miaj sentemaj (ĝis tiam neniam masaĝitaj) piedoj.

Kiam mi vojaĝas, ĉu en Usono, ĉu en fremda lando, mi ŝatas renkontiĝi kun lokaj esperantistoj. Mi trovas ke mia sperto pri lando aŭ urbo estas tute malsame kun esperantistoj, ol sen. Esperantistoj gvidas min al la vidindaj lokoj de urbo. Ili ankaŭ povas montri al mi la partojn de la urbo kiujn turistoj neniam vidas. Kiam mi restis ĉe Reza, li portis min al la gimnazio kie li laboras. Unu el la estroj de la gimnazio montris al mi la gimnazion, kaj mi povis demandi pri ĉio ajn. Oni traktis min kiel honoran gaston, kaj donis al mi kelkajn donacetojn. Mi vidis multajn aferojn kiuj memorigis min pri mia gimnazio en Usono – komputilejojn, gimnastikejon, ktp. Kaj mi vidis multajn aferojn kiuj estis tute malsamaj. Ekzemple, estis kurso en kiu la lernantoj lernis kiel miksi alkoholajn trinkaĵojn, por lernantoj kiuj lernas pri kuirado kaj kelnerado. Mi pensas ke tia kurso neniam troviĝus en usona gimnazio, pro niaj fortaj leĝoj pri alkoholo.

Sen esperantistoj, mi ne scias kiuj restoracioj estas bonaj kaj kiuj ne; mi ne scias kiel plej bone atingi iun turistan lokon. Mi ne povas legi la ŝildojn, kaj mi apenaŭ povas paroli kun la loĝantoj. Kun esperantistoj, tiuj problemoj magie malaperas, kaj mi ne plu sentas min tiel fremda. Kiam mi vizitis Tajvanon, la tajvanaj esperantistoj traktis min kiel honoran gaston. Ili bonkore donacis tre belajn aferojn al mi kaj aranĝis bongustajn manĝojn por festi mian viziton. Tio ne estas surprizo inter esperantistoj, ĉar tia estas la esperanta komunumo; vizito de fremda esperantisto estas okazo por festi, por montri al tiu esperantisto la plej interesajn flankojn de la loka kulturo. Kiam mi vojaĝas pro mia laboro, kaj mi mencias al miaj kolegoj ke mi 'renkontiĝos kun amikoj', la kolegoj volas scii kiel mi renkontis tiujn amikojn. Mi devas konfesi ke mi neniam renkontis tiujn amikojn antaŭe. Eble ili pensas ke mi estas stranga persono, kiu havas amikojn kiujn ŝi neniam renkontis antaŭe, kiujn ŝi eble nur ekkonis antaŭ kelkaj semajnoj, per retpoŝta korespondado. Tamen miaj kolegoj kiuj vojaĝas kun mi ne havas la saman sperton kiel mi. Ili estas solaj en fremda lando. Ili ne havas amikojn kiuj atendas ilin. Neniu aranĝas manĝojn en ilia honoro kaj neniu atendas ilin kun donacoj. Kaj la vero estas, ke mi iom kompatas ilin, ke ili ne estas esperantistoj, kaj ke ili ne povas ĝui same bonan sperton kiel mi.



Koran dankon al ĉiuj esperantistoj kiuj gastigis min, helpis min, gastigis min por manĝoj, kaj montris al mi la belecon de Tajvano. Mi esperas ke ni iam renkontiĝos denove – en Usono, en Tajvano, aŭ ie en Esperantujo!

## Vorto de la tago www.lernu.net

**REGALI** 招待

1. Bone kaj plezurige trakti iun, donante al li ion bonan (manĝaĵojn kaj trinkaĵojn):

**Ni regalis gastojn per tre bongusta vespermanĝo.**

**La artisto regalis nin per du eksterprogramaj kantoj.**

**Ne rifuzu akcepti nian regalon de bondeziro.**

2. Malbone (ironie) trakti:

**Forregali – malmilde forpuŝi.**

## Google festas la Zamenhof-tagon
## Google 紀念柴誕節編輯部最後修改時間

***el Libera Folio***

Antaŭ 150 jaroj, la 15-an de Decembro 1859, naskiĝis Ludoviko Zamenhof. Ne nur esperantistoj, sed ankaŭ Google solenas la festotagon. En la kapo de la ĉina, japana kaj korea versioj de la plej potenca serĉilo de la mondo aperis esperanta flago, kun ligo al serĉorezultoj pri Esperanto. La apero de Esperanta versio de la logotipo de Google ŝajnas esti rezulto de esperantista kampanjo. Simila logotipo aperis ankaŭ en multaj eŭropaj versioj de la serĉilo, kiam la 15-a de Decembro atingis tien.

一百五十年前, 1859 年 12 月 15 日，L.L.柴門霍夫降生了。不只是世界語界人士，就連 Google 也一起慶祝這個紀念日。在這個全世界最強的搜尋工具網站的中、日、韓文入口頂上，都出現了世界語的旗子，從而可以連接到有關世界語的搜尋結果。Google 的這項標誌顯然是世界語同好們所做，同樣的當十二月十五日到達歐洲的國家時，這個標誌也會在很多歐洲國家的入口處出現。

La serĉilo Google relative ofte modifas la aspekton de sia logotipo en la ĉefa serĉopaĝo depende de la sezonaj festotagoj en diversaj partoj de la mondo. Por uzi la ŝancon, esperantistoj dise en la mondo turnis sin al la firmao por peti, ke la firmao ne forgesu la 150-jariĝon de la iniciatinto de Esperanto.

搜尋工具 Google 時常在其主要搜尋網頁上，修改它的標誌的外觀，以表示其對世界某地的季節性慶典的祝賀。全球各地的世界語同好們向 Google 提出申請，要求不要忘記世界語創始者的 150 歲冥誕。

La iniciaton inter la unuaj disvastigis la israela esperantisto Josi Ŝemer, kiu la 24-an de Septembro dissendis al multaj adresoj mesaĝon kun la jena enhavo:

最早提出這要求的人之一是以色列的同好 Josi Shemer，他在 9 月 24 日向很多電子信箱發出下列訊息：

Kiel vi eble rimarkis, Google ofte metas ĉe sia hejmpaĝo iun specialan desegnaĵon por noti datrevenojn de historiaj okazintaĵoj, naskiĝoj de famaj personoj kaj simile. Ekzistas bona ebleco, ke, almenaŭ en elektitaj landoj (ekz-e Pollando), oni rekonos la 150-an datrevenon de Zamenhof

la 15-an de Decembro – se esperantistoj tion proponus. Bonvolu proponi tion prefere en simpla anglalingva mesaĝo ĉe proposals@google.com, kaj konvinki aliajn samon fari.

「你也許注意過，Google 常在其主網頁上做出特殊的圖案，用以紀念特別歷史事件的週年、名人的生日、等等。所以很有可能，在世界語同好們的提議之下，至少在某些特定的國家（例如波蘭），在今年 12 月 15 日，紀念 Zamenhof 的 150 歲冥誕。請你用簡單的英文在網頁 proposals@google.com 上做出這項提議，也請你向別的同好們做同樣的呼籲。」

Proksimume samtempe la ideon disvastigis interalie la antaŭa prezidanto de UEA Renato Corsetti en la diskutlistoj de UEA. La kampanja mesaĝo estis disvastigita ankaŭ per la mikrobloga servo Twitter.

差不多同時在全球世界語協會的內部，其前任主席 Renato Corsetti 等人也傳播這項消息，在電子部落格 Twitter 上也公佈了這項意見。

Josi Ŝemer asertas, ke la honoro ne apartenas al li:

Josi Shemer 說：這項殊榮不屬於他：

La iniciato ne venis de mi. Mi simple ricevis mesaĝon de iu esperantisto el Eŭropo (mi ne plu memoras de kiu...), petante pludisfamigi la aferon. Do, mi tuj dissendis ĝin al miaj 225 abonantoj de judaj ŝercoj kaj ankaŭ al ĉiuj 80 reto-havaj israelaj esperantistoj. Tiam Renato Corsetti – unu el miaj adresatoj – plusendis ĝin tra siaj retlistoj. Verŝajne multaj el la mesaĝ-legantoj skribis tiam al la redakcio de Google kaj jen la pozitiva rezulto! Mi vere ne scias kiu estis la iniciatinto, sed li meritas la plej grandan honoron, ne mi....

「我並不是這意見的發起人。我只是從歐洲的某位世界語同好接到這訊息（可惜我不記得他是誰了），也要求我傳播這項訊息。於是我便把這訊息發給我主編的猶太笑話的 225 個訂戶，又把它寄給 80 位有網頁的以色列世界語同好們。這時 Renato Corsetti － 接到的的訊息的一位 － 又通過他的網路信箱寄給的很多人。顯然收到這訊息的人，很多都真的向 Google 編輯部提議了，因此我們才得到這正面的結果。我真的不知道誰是此事的發起人；他應該得到更大的榮耀，而不是我…。

Je la 21.30 la 14-an de Decembro laŭ la universala horo (UTC) la Esperanta flago videblis en la ĉina, japana kaj korea versioj de Google. Tamen ekzemple la barata, kazaĥia kaj rusia versioj de Google tiutempe

ne montris la Esperantan flagon, kvankam en la koncernaj landoj jam komenciĝis la 15-a de Decembro.

在全球標準時間(UTC)十二月 14 日 21 時 30 分，世界語的旗幟出現在 Google 的中、日、韓網站，但同時在印度、喀薩克及俄國的網站上這旗幟並未出現，雖然在這些國家，那時也到達了 12 月 15 日。

Kelkajn horojn poste la Esperanta flago aperis interalie en la rusia, svedia, germania kaj francia versioj de la serĉilo, sed ne ekzemple en la britia aŭ finnlanda paĝoj. Ne estas tute klare, kiel funkcias la montrado de la flago, ĉar usonaj esperantistoj raportas pri ĝia apero ankaŭ en la ĉefa paĝo Google.com, sed se oni aliras la saman adreson el Svedio, tie ne videblas flago.

幾小時後，這旗幟又出現在俄國、瑞典、德國、法國和幾個別的國家的搜尋工具上，但在英國和芬蘭等的網頁上沒有出現。我們不瞭解顯示這旗幟的程序，因爲美國世界語同好報告，這旗幟出現在 Google.com 的主網頁，但在瑞典進入這主網頁時卻看不到它。

Tie, kie aperis la Esperanta flago, ĝi enhavis ankaŭ ligon al serĉo-rezultoj pri Esperanto. Tiel, sekvante la flagon en la ĉinlingva paĝo, oni povis trovi kronologion pri la historio de Esperanto, dum la japana versio gvidis ekzemple al la japanlingva Vikipedia artikolo pri Esperanto kaj japanlingvaj lerniloj.

在看得到世界語旗幟的地方，它也連接到有關世界語的搜尋結果。例如在中文網站，我們可以找到有關世界語歷史的年表，在日本網站，它連接到維基百科全書中有關世界語的項目，和世界語的學習工具。

## Vorto de la tago www.lernu.net

**KONVINKI** 說服

Fari per pruvoj aŭ rezonoj, ke iu akceptu ion kiel veran aŭ pravan:

**Ŝi konvinkis min, ke ŝi ne estas kulpa.**

**Miaj religiaj konvinkoj vin ne devus interesi.**

**Ni estis konvinkitaj, ke ni devas tiel agi.**

**Li estas facile konvinkebla.**

## Masaĝejo en Pingtung

*Reza Kheirkhah*

En la sudo de Tajvano kaj en la urbo Pingtung, kie okazas kelkaj Esperanto-kursoj, ankaŭ ekzistas masaĝkliniko kies estro kaj du aliaj laborantoj estas esperantistoj. Tiu masaĝejo havas dek kelkajn masaĝistojn kaj kelkajn laborantojn kaj ĉiutage de tagmezo malfermas ĝis noktomezo.

La ĉefo de la masaĝejo, kiu estas nur iom pli ol 30-jara, estas Kevin Shih, kiu nun ankaŭ studas en universitato cele magistriĝon. En Oktobro Kevin pasigis dek tagojn en Japanio vizitante kelkajn urbojn kaj Esperanto-klubojn. Li ankaŭ partoprenis en la Japana Kongreso kiu okazis en la urbo Kohu kaj tie prezentis piedomasaĝon per PowerPoint.

S-ro Osioka Moritaka estis la ĉefa organizanto de lia vojaĝo kaj Kevin pasigis la unuajn kaj lastajn tagojn de sia vojaĝo en la urbo Hirosima.

Jen foto pri la kliniko kies nomŝildo enhavas ankaŭ Esperanton, krom la ĉina kaj japana:



# Kampara Vivo: Kaproj

***Grego Kay***

Mi neniam imagus ke kaproj estas tiom hundecaj. Ne hunde bojantaj aŭ flatpetantaj, sed promenantaj kaj alvenantaj kaj plej grave aŭskultantaj. Do kiam tempo permesas, ni promenigas niajn kaprojn, kune kun niaj hundoj, tra valoj kaj super montetoj same kiel familion de bonkondutaj anasoj (almenaŭ laŭ kutimaj bildoj). Ili sekvas unu la alian manĝante kaŝitajn juvelojn: juveloj kapraj kompreneble. Mi ofte aŭdis ke kaproj manĝas ion ajn: plastaĵojn, kaŭĉukajn radojn, eĉ aluminiajn ladskatolojn. Tio estas sama sensencaĵo kiel multaj aliaj „veraj” rakontoj. Fakte kaproj estas ege elektemaj paŝtiĝantoj. Sed kiajn aĵojn ili elektas! Ne la molajn herbojn sed prefere la plej dornajn kaj pikilhavajn verdaĵojn: ekzemple unu el ĉi tiea speco de akacio tiom doloriga ke oni kutime nomas ĝin „kata ungego” estas inter iliaj plej ŝatataj.




Kvankam kapro ne nur estas dorlotbesto rivalanta hundon sed ankaŭ sufiĉe tolerebla gazontondilo (nur ne lasu ilin apud viaj floroj…), nia vera kialo por havi kaprojn estas la sama kiel por homoj antaŭ jarmiloj: lakto kaj iam estonte viando. Ĉi tie en Usono malmultaj trinkas kapran lakton kvankam monde ĝi estas pli trinkata ol bova. Multaj opinias ke ĝi ĝuste gustas tro „kapra”, sed tio ŝuldiĝas pli al malfreŝeco de lakto; freŝa kapra lakto ne odoras pli aŭ malpli ol bova. Granda malsimileco inter kapra kaj bova laktoj inkluzivas dikecon de grasaj globetoj, tiuj de kapra estas multe pli malgrandaj. Tial kapra lakto ne facile disiĝas malfaciliganta kremproduktadon kaj sekve ĝi ankaŭ ne bezonas esti

homogenigita. Ĉiuokaze mi neniam gustumis pli allogan trinkaĵon ol nian nunan lakton.

Kaj kio necesas por havi ĝin? Ĉiutaga melkado. Nuntempe, post preskaŭ duonjaro da taga trejnado, melki estas, mi ne dirus kiel meditado, sed certe ne kvazaŭ laboro, ni diru malpeza kaj eĉ agrabla ekzercado, sed komence aj jaj jaj!!! Tiam mi pensis neniam finfari. Kapro kiu nun bezonas 5 minutojn por melkiĝi antaŭe bezonis dekoble pli. Kaj kvankam ili estas paciencaj bestoj eĉ tio havas limojn. Feliĉe kun praktikado ĉio eblas, eĉ por urbano…

## 母親的時鐘
## Horloĝo de Patrino

***Lu Yan (1902-1944)*** 魯彥

***elĉinigis Wang Ju-kwei*** 王九逵

二十幾年前，父親從外面帶了一架時鐘給母親；一尺多高，上圓下方，黑紫色的木框，厚玻璃面，白底黑字的計時盤，盤的中央和邊緣鑲著金漆的圓圈，底下垂著金漆的鐘擺，釘著金漆的鈴子，鈴子後面的木框上貼著彩色的圖畫——是一架堂皇而且美麗的時鐘。那時這樣的時鐘在鄉裡很不容易見到；不但我和姊姊非常覺得稀奇，就連母親也特別喜歡它。

Antaŭ dudek kelkaj jaroj, patro donis al patrino horloĝon, kiun li aĉetis aliloke. La horloĝo estis trionon da metro alta, kun malhele purpura ligna kadro kaj dika vitra fronto. La supra parto estis ronda kaj la suba kvadrata. La ciferplato estis blanka kun nigraj ciferoj kaj oraj centro kaj rando. La pendolo kaj sonoriloj estis ankaŭ oraj. Malantaŭ la sonorilo kaj sur la kadro estis buntaj pentraĵoj. Ĝi estis grandioza kaj bela, tre rara en la kamparo. Ne nur mi kaj mia fratino konsideris ĝin trezora, sed ankaŭ patrino tre ŝatis ĝin.

她最先把那時鐘擺在床頭的小櫥上，只允許我們遠望，不許我們走近去玩弄。我們愛看那鐘擺的晃搖和長針的移動，常常望著望著忘記了讀書和繡花。於是母親搬了一個座位，用她的身子擋住了我們的視線，說：

Unue ŝi metis la horloĝon sur la ŝranketon apud la lito. Ni infanoj nur povis rigardi ĝin de malproksime, kaj ne estis al ni permesite tuŝi ĝin. Ni ŝatis spekti la svingiĝadon de la pendolo kaj la paŝadon de la

minutomontrilo. Tiaj spektadoj ofte prokrastis niajn studon kaj brodadon. Patrino metis seĝon antaŭ ĝi, kaj sidis tie por bari nian vidon, dirante:

“這是聽的，不是看的呀!等一會又要敲了，你們知道呆看了多少時候嗎?”

„Vi ĝin aŭskultu, ne rigardu. Ĝi post momento ekbatos la horon. Kiel longe vi stulte rigardos ĝin?“

我們喜歡聽時鐘的敲聲，常常問母親：

Al ni plaĉis la batosono de la horloĝo. Ni ofte petis patrinon:

“還不敲嗎，媽?你叫它早點敲吧!”

„Ĝi ankoraŭ ne batas. Panjo, ĉu vi povas igi ĝin pli frue bati?”

但是母親望了一望我們的書本和花繃，冷淡地回答說：

Sed patrino, rigardante niajn libron kaj brodkadron, malvarme diris:

“到了時候，它自己會敲的。”

„Ĝi batos je la ĝusta tempo.“

鐘擺不但自己會動，還會得得地響下去，我們常常低低地念著它的次數；但母親一看見我們嘴唇的嗡動，就生起氣來。

La pendolo ne nur movis sin, sed ankaŭ tiktakis. Ni mallaŭte nombris la tiktakojn, kio kolerigis patrinon.

“你們發瘋了!它一天到晚響著，你們一天到晚不做事情嗎?我把它停了，或是把它送給人家去，免得害你們吧!……”

„Ĉu vi freneziĝis? Kiam ajn la horloĝo tiktakas, vi nenion faras. Mi haltigu ĝin aŭ donacu ĝin al amiko por savi vin!…“

但她雖然這樣說，卻並沒把它停下，也沒把它送給人家。她自己也常常去看那鐘點，天天把它揩得乾乾凈凈。

Malgraŭ sia minaco, ŝi neniam haltigis ĝin aŭ donacis ĝin al amiko. Ŝi mem ofte legis la tempon kaj ĉiam tenis ĝin pura.

“走路輕一點!不準跳!”她幾次對我們說，“震動得厲害，它會停止的。”

„Paŝu leĝere! Ne saltu!“ Ŝi kelkfoje diris. „Forta vibrado haltigos la horloĝon.“

真的，母親自從有了這架時鐘以後，她自己的舉動更加輕聲了。她到小櫥上去拿別的東西的時候，幾乎忍住了呼吸。

Efektive ekde kiam patrino havis la horloĝon, ŝiaj agoj plileĝeriĝis. Ŝi preskaŭ ĉesis spiri kiam ŝi prenis ion de la ŝranketo.

這架時鐘開足後可以走上一個星期。不知母親是怎樣記得的。每次總在第七天的早晨不待它停止，就去開足了發條。和時鐘一道，父親帶回家來的，還有一個小小的日晷。一遇到天氣好太陽大，母親就在將到正午的時候，把它放在後院子的水缸蓋上。她不會看別的時候，只知道等待那紅線的影子直了，就把時鐘糾正爲十二點。隨後她收了那日晷，把它放在時鐘的玻璃門內。我們也喜歡那日晷，因爲它裡面有一顆指南針，跳動得怪好看。但母親連這個也不許我們玩 弄。

Ĉiu plena streĉado de la risorto movigis la horloĝon por semajno. Mi ne scias, kiel patrino povis memori, ke ĉiun matenon je la sepa tago, antaŭ ol ĝi haltis, ŝi plene streĉis la risorton. Kune kun la horloĝo, patro ankaŭ portis hejmen gnomoneton. Je tagmezo kun serena vetero, patrino metis ĝin sur la kovrilon de akvujo. Ŝi ne povis legi alian tempon ol la tagmezon, kiu okazis kiam la ombro de la ruĝa fadeno rektiĝis. Tiam ŝi alĝustigis la tempon de la horloĝo je dek du, kaj remetis la gnomoneton malantaŭ la vitra pordo de la horloĝo. Ni ankaŭ ŝatis la gnomoneton, ĉar en ĝi estis kompaseto, kiu bele saltis. Sed patrino ne permesis al ni ludi per ĝi.

“不是玩的!”她說，“太陽立刻就下山了，還不趕快做你們的事嗎?……”

„Ĝi ne estas ludilo!“ ŝi diris. „Baldaŭ vesperiĝos. Rapide faru viajn taskojn……“

這在我們簡直是件苦惱的事情。自從有了時鐘以後，母親對我們的監督愈加嚴了。她什麼事情都要按著時候，甚至是早起，晚睡和三餐的時間。

Tio suferigis nin, ke ekde kiam patrino ricevis la horloĝon, ŝi pli strikte kontrolis nin. Ni devis ĝustatempe fari ĉion, ellitiĝon, enlitiĝon kaj tri manĝojn inkluzive.

冬天的日子特別短，天亮得遲黑得早。母親雖然把我們睡眠的時間略略改動了些，但她自己總是照著平時的時間。大冷天，天還未亮，她就起來了。她把早飯煮好，房子收拾乾凈，拿著火爐來給我們烘衣服，催我們起床的時候，天才發亮，而我們也正睡得舒服，怕從被窩裡鑽出來。

En vintro la tago estis mallonga, tagiĝo malplifruiĝis kaj noktiĝo plifruiĝis. Patrino iomete ŝanĝis niajn horarojn, sed daŭre tenis siajn. En

tre malvarma vetero, ŝi ellitiĝis antaŭ taĝiĝo, kuiris matenmanĝon, purigis la ĉambrojn, varmigis niajn vestaĵojn apud forno kaj je tagiĝo urĝis nin ellitiĝi, kiam ni komforte dormis kaj ne ŝatis elrampi el sub la litkovrilo.

"立刻要開飯了，不起來沒有飯吃!"

„Tempo por matenmanĝo. Kiu ajn ne ellitiĝos havos nenion por manĝi!“

她說完話就去預備碗筷。等我們穿好衣服，臉未洗完，她已經把飯菜擺在桌上。倘若我們不起來，她是決不等待我們的，從此要一直餓到中午，而且她半天也不理睬我們。

Tiam ŝi iris pretigi la servicojn. Kiam ni vestis nin sed ankoraŭ ne tualetis, ŝi jam surtabligis la matenmanĝon. Se ni ankoraŭ ne ellitus, ŝi ne atendus nin, kaj ne parolus al ni antaŭ tagmezo.

每次每次當她對我們說幾點鐘的時候，我們幾乎都起了恐懼，因爲她把我們的一切都用時間來限制，不準我們拖延。我們本來喜歡那架時鐘的，以後卻漸漸對它憎惡起來了。

Fojfoje kiam ŝi raportis la horon al ni, ni sentis teroron, ĉar ŝi limigis nin per tempo pri ĉio, kaj ne permesis iom da prokrasto. La horloĝon, kiun ni unue ŝatis, iom post iom ni malamis.

"停了也好，壞了也好!"我們常常私自說。

„Ĝi haltu! ĝi rompiĝu!“ Ni tiel egoisme diradis.

但是它從來不停，也從來不壞。而且過了兩三年，我們家裡又加了一架時鐘了。

Sed ĝi neniam haltis kaj neniam rompiĝis. Plue, post du-tri jaroj venis al nia hejmo alia horloĝo.

那是我們陰配的嫂嫂的嫁妝。它比母親的一架更時新，更美觀，聲音也更好聽。它不用鈴子，用的鋼條圈，敲起來聲音洪亮而且餘音不絕。

Ĝi estis doto de nia bofratino, kiu mortis antaŭ la nupto. Ĝi estis pli nova kaj pli bela ol tiu de patrino. Ankaŭ ĝia sono estis pli muzika, laŭta kun postsono, ĉar ĝi ne venis de sonoriletoj, sed de risorta bobeno.

我們喜歡這一架，因爲它還有兩個特點：比母親的一架走得慢，常常走不到一星期就停了下來。

Estis du aliaj trajtoj de la nova horloĝo, kiujn ni ŝatis: ĝi kuris pli malrapide ol la patrina, kaj ĝi haltis antaŭ ol pasis semajno.

但母親卻喜歡舊的一架。她把新的放在門邊的琴桌上，把揩抹和開發條的事情派給了姊姊。她屢次看時刻都走到自己的床邊望那架舊的。

Sed patrino ŝatis la malnovan. Ŝi metis la novan sur la tablon apud la pordo, kaj ordonis al fratino viŝi ĝin kaj streĉi ĝian risorton. Kiam ajn ŝi volis scii la tempon, ŝi rigardis la malnovan horloĝon apud sia lito.

“你喜歡這一架”，母親對姊姊說，“將來就給你做嫁妝吧。當然，這一架樣子新，也值錢些。”

„Ĉar vi ŝatas ĉi tiun horloĝon,“ patrino diris al fratino: „mi faros ĝin via doto. Ĝia aspekto estas moderna kaj ĝi devas esti altkosta.

我想姊姊當時聽了這話應該是高興的。但我心裡卻很不快活。我不希望母親永久有一架那樣準確而耐用的時鐘。

Mi kredas, ke fratino ĝojiĝis, aŭdinte tion, sed ne mi. Mi ne volis, ke patrino ĉiam havu ekzaktan kaj daŭreman horloĝon.

那時鐘，到得後來幾乎代替了母親的命令了。母親不說話，它也就下起命令來。我們正睡得熟，它叮叮地叫著逼迫我們起床了；我們正玩得高興，它叮叮地叫著，逼迫我們睡覺了；我們肚子不餓，它卻叫我們吃飯；肚子餓了，它又不叫我們吃飯……

Tiu horloĝo poste anstataŭ patrino ordonis nin. Kiam ni dolĉe dormis, ĝi sonore urĝis nin ellitiĝi. Kiam ni gaje ludis, ĝi sonore urĝis nin enlitiĝi. Kiam ni sentis saton, ĝi vokis nin manĝi, sed kiam ni sentis malsaton, ĝi silentis.

我們喜歡的是要快就快，要慢就慢，要走就走，要停就停的時鐘。

Ni ŝatus horloĝon, kiu jen rapidas, jen malrapidas, jen kuras, jen haltas.

姊姊雖然有幸，將得到一架那樣的時鐘，但在出嫁前兩三個月，母親忽然要把它修理了。

Fratino feliĉe gajnis tian horloĝon, sed je tri monatoj antaŭ ŝia edziniĝo, patrino subite riparigis ĝin.

“好看只管好看，亂時辰是不行的，”她對姊姊說，“你去做媳婦，比不得在家裡做女兒，可以糊裡糊塗，自由自在呀。”

„Por horloĝo, beleco ne gravas. Ĝi devas esti preciza. Post edziniĝo, vi estos bofilino, kiu, malsame de la filino, ne plu povas stulte kaj libere farti.

不知怎樣，她竟打聽出來了一個會修時鐘的人，把他從遠處請到家裡，將那架新的拆開來，加了油，旋緊了某一個螺絲釘，弄了大半天。母親請他吃了一頓飯，還用船送他回去。

Iel patrino trovis horloĝoripariston. Ŝi invitis lin de malproksime. Li malmuntis la horloĝon, lubrikis la maŝinon, streĉis iun ŝraŭbon, kaj remuntis la horloĝon. Patrino regalis lin per manĝo kaj ŝipe veturigis lin hejmen.

於是姊姊的那架時鐘果然非常準確了，幾乎和母親的一模一樣。這在她是禍是福，我不知道。只記得她以後不再埋怨時鐘，而且每次回到家裡來，常常替代母親把那架舊的用日晷來對準；同時她也已變得和母親一樣，一切都按照著一定的時間了。

De tiam la horloĝo de fratino precizis, preskaŭ kiel tiu de patrino. Mi ne scias, ĉu tio estis bona por ŝi. Ŝi ne plu plendis pri la horloĝo, kaj kiam ŝi revenis hejmen, ŝi ofte anstataŭ patrino alĝustigis la horloĝon per la gnomoneto. Ankaŭ ŝi mem fariĝis kiel patrino, farante ĉion laŭ fiksita tempo.

我呢，自從第一次離開故鄉後，也就認識了時鐘的價値，知道了它對於人生的重大的意義，早已把憎惡它的心思一變而爲喜愛的了。因爲大的時鐘不合用，我曾經買過許多掛錶，既便于攜帶，式樣又美觀，價錢又便宜。

Pri mi, ekde la unua fojo kiam mi foriris de hejmo, mi konsciis la valoron de horloĝoj por la homa vivo. Mi amis ilin anstataŭ malami kiel antaŭe. Ĉar horloĝegoj ne taŭgis al mi, mi aĉetis poŝhorloĝojn, kiuj estis facile porteblaj, belaj kaj ne multekostaj.

我記得第一次回家隨身帶著的是一只新出的夜明錶，喜歡得連半夜醒來也要把它從枕頭下拿來觀看一番的。

Unuafoje kiam mi revenis hejmen, mi havis novan poŝhorloĝon kun lumanta ciferplato. Kiam ajn mi vekiĝis dum nokto, mi elprenis ĝin de sub la kapkuseno.

“你看吧，媽，我這只錶比你那架舊鐘有用得多了，”我說著把它放在母親的衣下。“黑角裡也看得見，半夜裡也看得見呢!”

„Vidu, panjo. Ĉi tiu horloĝo estas pli utila ol la malnova.“ Mi metis ĝin sub vestaĵon de patrino. „Vi povas legi ĝin en mallumo, eĉ je noktmezo!“

但是母親卻並不喜歡。她冷淡地回答說：

Sed patrino ne ŝatis ĝin. Ŝi simple respondis:

“好玩罷了，並且是啞的。要看誰走得準、走得久呀。”

„Ĝi estas ludilo, kaj muta. Bona horloĝo devas kuri ĝuste kaj daŭri longe.“

我本來是不喜歡那架舊鐘的，現在給她這麼一說，我愈加發現它的缺點了：式樣既古舊、攜帶又不便利，而且擺置得不平穩或者稍受震動就會停止；到了夜裡，睡得正甜蜜的時候，有時它叮叮敲著把人驚醒了過來，反之，醒著想知道是什麼時候，卻須靜候到一個鐘頭才能聽到它的報告。然而母親卻看不起我的新置的完美的掛錶，重視著那架不合用的舊鐘。這真使我對它發生更不快的感覺。

Mi dekomence ne ŝatis tiun malnovan horloĝon. Ŝiaj vortoj nun igis min konscii ĝiajn malmeritojn: ĝia aspekto estis antikva; estis malfacile porti ĝin; kaj ĝi haltis se ne glate metita aŭ iomete vibrigita; nokte ĝia sonorilo vekis nin dum dolĉa dormo, kaj tage ĝi ne sonoris escepte je horoj. Mi pli malŝatis ĝin ĉar patrino laŭdis sian ne taŭge uzeblan malnovan horloĝon kaj malestimis la mian.

幸而母親對我的態度卻改變了。她現在像把我當做了客人似的，每天早晨並不催我起床，也並不自己先吃飯，總是等待著我，一直到飯菜冷了再熱過一遍。她自己是仍按著時間早起，按著時間煮飯的，但她不再命令我依從她了。

Feliĉe ŝi fariĝis pli bona al mi. Ŝi tiam traktis min kiel gaston. Matene ŝi ne urĝis min ellitiĝi, kaj ŝi atendis min por kune manĝi. Ŝi revarmigis la nutraĵon se la atendo estis tro longa. Ŝi mem ankoraŭ frue ellitiĝis laŭ horaro, sed ŝi ne plu ordonis al mi obei sin.

“總要早起早睡，”她偶然也在無意中提醒我，而態度卻是和婉的。

„Frue enlitiĝu kaj frue ellitiĝu,“ ŝi okaze memorigis min kun milda sinteno.

然而我始終不能依從她的願望。我的習慣一年比一年壞了：起來得愈遲，睡得也愈遲，一切事情都漫無定時。我先後買過許多錶，的確都是不準確的，也不耐久的；到得後來，索性連這一類錶也沒用處了。

Sed kontraŭ ŝia espero, mia kutimo de jaro al jaro malpliboniĝis: mi ĉiam malpli frue en- kaj ellitiĝis, kaj faris ĉion sen horaro. Mi tra la tempo aĉetis multajn poŝhorloĝojn, kiuj vere nek kuris ĝuste nek daŭris longe. Poste mi ne uzis eĉ tian horloĝon.

但母親卻依然保留著她那架舊鐘：屋子被火燒掉了，她搶出了那架舊鐘，幾次移居到上海，她都帶著那架舊鐘。

Sed patrino ankoraŭ tenis sian malnovan horloĝon. Nia domo estis foje sub brulego, kaj ŝi savis ĝin. Ni kelkfoje transloĝiĝis Ŝanghajon, kaj ŝi portis ĝin.

“給你買一架新的吧，不必帶到上海去。”我說。母親搖一搖頭：

Mi aĉetu novan por vi. Ne estas necese porti ĝin al Ŝanghajo,“ mi proponis. Patrino kapneis:

“你們用新的吧：我還是要這架用慣了的。”

„Vi uzu la novan; mi kutime uzas ĉi tiun.“

到了上海，她首先拿出那架舊鐘來，擺在自己的房裡，仍是自己管理它。

Atinginte Ŝanghajon, ŝi unue elprenis la malnovan horloĝon, metis ĝin en sian ĉambron, kaj mem mastrumis ĝin.

它和海關的鐘差不多準確，也不需要修理添油。只是外面的樣子漸漸老了：白底黑字的計時盤這1裡那裡起了斑疤，金漆也一塊塊地剝落了。

Ĝi estis tiel ĝusta kiel la horloĝo de la doganejo, kaj ne bezonis lubrikadon. Nur ĝia aspekto malnoviĝis: la ciferplato makuliĝis, kaj pecoj de la ora lako falis.

至於母親，自從父親去世後也就得了病，愈加老得快，消瘦下來，沒有精力做事情。

Patrino mem ankaŭ ekde la forpaso de patro malsanis, rapide maljuniĝis, magriĝis kaj havis neniun energion fari ion.

“吃現成飯了，”她說，“一切由你們吧。”

„Nun mi manĝos pretfaritan nutraĵojn,“ ŝi diris. „Vi mastrumos ĉion.“

她把家裡的事情全交給了我和妻，常常躺在床上睡覺。

Ŝi do transdonis al mi kaj mia edzino mastrumon de ĉio en la familio. Ŝi ofte kuŝis en lito dormante.

但是她早起的習慣沒有改。天才一亮，她就起床了。她很容易餓，我們吃飯的時間就不得不和她分了開來。常常我們才吃過早飯，她就要吃中飯。她起初也等待我們，勸我們，日子久了，她知道沒辦法，便徑自先吃了。

Sed ŝi daŭrigis sian kutimon de frua ellitiĝo. Ŝi ellitiĝis ĉiun tagon je tagiĝo. Ŝi estis malsatema, kaj niaj manĝaj tempoj devis malsamiĝi. Kiam ni ĵus finmanĝis matenmanĝon, ŝi volis manĝi sian tagmezan. Unue ŝi atendis nin por kune manĝi. Poste ŝi sciis, ke kompromiso ne eblis, kaj ŝi sola manĝis unue.

“一天到晚，只看見開飯，”她不高興的時候，說。“我還是住在鄉下好，這裡看不慣!”

„Dum la tuta tago ni manĝas,“ ŝi malĝoje diris. „Mi prefere vivas en kamparo. Ĉi tie mi ne kutimas.“

真的，她現在不常埋怨我們，可是一切都使她看不慣，她說要住到鄉下去，立刻就要走的，怎樣也留她不住。

Tiam ŝi ne ofte plendis pri ni, sed ŝi ne kutimis al ĉio, kion ni faris. Dirinte, ke ŝi reiru kamparon, ŝi tuj ekis, kaj ni neniel povis reteni ŝin.

“鄉下冷清清的沒有親人，”我說。

„En la kamparo vi ne havos karulon kun vi, kaj vi devos solece vivi.“

“住慣了的。”

„Tiel mi kutimas.“

“把你頂喜歡的子孫帶去吧。”

„Via amata nepo iru kun vi.“

但是她不要。她只帶著她那架舊鐘回去。第二次再來上海時，仍帶著那架舊鐘。第三次，第四次……都是一樣。

Ŝi rifuzis. Nur la malnova horloĝo iris kun ŝi. Duafoje kiam ŝi venis Ŝanghajon, ŝi kunportis ĝin. Same dum la tria, kvara kaj postaj fojoj.

去年秋季，母親最後一次離開了她所深愛的故鄉。她自知身體衰弱到了極度，臨行前對人家說：

Aŭtunon en lasta jaro, patrino por la lasta fojo disiĝis de sia profunde amata hejmo. Sciante ke ŝi estis tiel malforta, ŝi dum adiaŭo diris:

“我怕不能再回來了。上海過老，也好的，全家在眼前……”

„Mi timas, ke mi ne plu revenos. Estos bone forpasi en Ŝanghajo, ĉar mia tuta familio estos antaŭ mi.……“

這一次她的行李很簡單：一箱子的壽衣、一架時鐘。到得上海，她又把那時鐘放在她自己的房里。

Ĉi-foje ŝia pakaĵo estis simpla: kesto kun mortovesto kaj horloĝo. Atinginte Ŝanghajon, ŝi metis la horloĝon en sian ĉambron.

果然從那時起，她起床的時候愈加少了，幾乎一天到晚都躺在床上，而且不常醒來。只有天亮和三餐的時間，她還是按時的醒了過來。天氣漸漸冷下來，母親的病也漸漸沉重起來，不能再按時去開那架時鐘，於是管理它的責任便到了我們的手裡。但我們沒有這習慣，常常忘記去開它，等到母親說了幾次鐘停了，我們才去開足它的發條，而又因爲沒有別的時鐘，常常無法糾正它，使它準確。

Kiel ŝi antaŭvidis, ŝi ĉiam malpli ellitiĝis. Ŝi preskaŭ tuttage kuŝis en lito, kaj ne ofte vekiĝis. Nur je tagiĝo kaj manĝotempoj ŝi vekiĝis. Kiam la vetero iom post iom malvarmiĝis, ŝia malsano kune graviĝis, kaj ŝi ne povis ĝustatempe streĉi la risorton de la horloĝo. Tial la devo mastrumi la horloĝon fariĝis nia. Sed ni ne kutimis fari tion, kaj ofte forgesis streĉi la risorton. Nur post memorigo de patrino, ke la horloĝo haltis, ni ekstreĉis la risorton. Sed sen alia horloĝo ni ne povis teni ĝin ĉiam ĝusta.

“要在一定時候開它，”母親告訴我們說，“停久了，就會壞的，你們且搬它到自己的房裡去吧，時時看見它就不會忘記了。”

„Vi devas streĉi la risorton je fiksita tempo.“ Patrino diris al ni. „Longa halto rompos ĝin. Vi movu ĝin en vian ĉambron. Vi ne forgesus mastrumi ĝin se vi ĉiam vidus ĝin.“

我們依從母親的話，便把她的時鐘搬到了樓上房間裡。幾個月來，它也很少停止，因爲一聽到它的敲聲的緩慢無力，我們便預先去開足了發條。

Laŭ ŝiaj vortoj ni movis la horloĝon en nian ĉambron ĉe la supra etaĝo. Dum kelkaj monatoj ĝi malofte haltis, ĉar kiam ajn ni aŭdis, ke ĝi senforte sonoris, ni do tuj streĉis la risorton antaŭ la taŭga tempo.

但是在母親去世前的一個月裡，我們忽然發現母親的時鐘異樣了：明明是才開足二三天，敲聲也急促有力，卻在我們不注意中停止了。我們起初懷疑沒放得平穩，隨後以爲是孩子們奔跳所震動，可是都不能證實。

Sed dum la monato antaŭ la forpaso de patrino, ni subite malkovris, ke la horloĝo strange agas: nur du-tri tagojn post bobenado, kiam ĝi ankoraŭ

sonoris forte, ial ĝi subite haltis kiam ni ne atentis ĝin. Unue ni suspektis, ke ni ne metis ĝin glate, aŭ la infanoj vibrigis ĝin per salto, sed ni ne povis pruvi unu aŭ alian.

不久，姊姊從故鄉來了。她聽到時鐘的變化，便失了色，絕望地搖一搖頭，說：

Postnelonge fratino venis. Aŭdinte la ŝanĝon de la horloĝo, si paliĝis kaj malespere skuis sian kapon, dirante:

“媽的病不會好了，這是個不吉利的預兆……”

„Patrino ne resaniĝos. Tio estas sinistra antaŭsigno……“

“迷信!”我立刻截斷了她的話。

„Superstiĉo!“ Mi tuj interrompis ŝian parolon.

過了幾天，我忽然發現時鐘又停止了。是在夜裡三點鐘。早晨我到樓下去看母親，聽見她說話的聲音特別低了，問她話老是無力回答。到了下半天，我們都在她床邊侍候著，她昏昏沉沉地睡著，很少醒來。我們喊了許久，問她要不要喝水，她微微搖一搖頭，非常低聲的說：

Post kelkaj tagoj la horloĝo refoje haltis je la tria nokte. Matene mi iris teretaĝon, kaj trovis, ke la voĉo de patrino estis tre mallaŭta. Ŝi ne havis sufiĉan forton por respondi mian demandon. Ni restis apud ŝia lito ĝis posttagmezo. Ŝi letargie dormis, malofte vekiĝis. Ni multfoje demandis, ĉu ŝi bezonas akvon. Ŝi iomete kapneis kaj mallaŭte diris:

“不要喊我……”

„Ne voku min……“

我們知道她醒來後是感到身體的痛苦的，也就依從著她的話，讓她安睡著。這樣一直到深夜，我們看見她低聲哼著，想轉身卻轉不過來，便餵了她一點點湯水，問她怎樣。

Ni sciis, ke ŝi sentis doloron kiam vekita. Do ni laŭ ŝia ordono lasis ŝin dormi. Profunde en nokto ni aŭdis ŝian mallaŭtan ĝemon, kaj vidis, ke ŝi malsukcese provis turni sin. Do ni trinkigis ŝin per iom da akvo, kaj demandis pri ŝia sento.

“比上半夜難過……”她低聲回答我們。

„Pli malkomforte ol antaŭnoktmeze……“ ŝi flustre respondis.

我覺得奇怪，懷疑她昏迷了。我想，現在不就是上半夜嗎，她怎麼當做了下半夜呢?我連忙走到樓上，卻又不禁驚訝起來：

Mi miris, suspektante ke ŝi perdis konscion. Mi pensis, ke nun estas antaŭ noktmezo. Kial ŝi ne tiel pensas? Mi hastis en la supran etaĝon, kaj pli miris:

原來母親的時鐘已經過了一點鐘了。

Laŭ la horloĝo de patrino, estis jam post la unua.

我不明白，母親是怎樣聽見樓上的鐘聲的。樓下的房子既高，樓板又有二層。自從她的時鐘搬到樓上後，她曾好幾次問過我們鐘點。前後左右的房子空的很多，貼鄰的一家，平常又沒聽見有鐘聲。附近又沒有報時的雞啼。這一夜母親的房子裡又相當不靜寂，姊姊在唸經、女工在吹折錫箔，間而夾雜著我們的低語聲、走動聲。母親怎樣知道現在到了下半夜呢?

Mi ne komprenis, kiel patrino aŭdis la baton de la horloĝo en la supra etaĝo. La teretaĝo estis tre alta, kaj la planko de la supra etago estis super la plafono de la teretaĝo. Post kiam ni movis la horloĝon supren, ŝi plurfoje demandis nin pri la tempo. Multaj inter la domoj cirkaŭ la nia estis vakaj, kaj la malvaka najbaro ne havis horloĝon kun sonorilo. En apudejo ne estis iu matenon heroldanta koko. Tiun nokton la ĉambro de patrino ne estis kvieta: fratino ĉantis sutron; la servistino faris paperan monon por fantomoj; mia edzino kaj mi flustris kaj paŝis. Kiel patrino sciis, ke tiam estis post noktmezo?

是母親沒有忘記時鐘嗎?是時鐘永久跟隨著母親呢?我想問母親，但是母親不再說話了。一點多鐘以後她閉上了眼睛，正是頭一天時鐘自動地靜默下來的那個時候。

Ĉu patrino ne forgesis la horloĝon? Ĉu la horloĝo ĉiam sekvis patrinon? Mi volis demandi patrinon, sed ŝi ne plu parolis. Poste ŝi fine fermis siajn okulojn, je la tempo, kiam la horloĝo haltis dum la antaŭa nokto.

失卻了一位這樣的主人，那架古舊的時鐘怕是早已感覺到存在的悲苦了吧?唉…

Perdinte tian mastrinon, la malnova horloĝo ŝajnis jam senti la ĉagrenon de sola estado. Ĉu? Aĥ!

Fonto de la ĉina teksto: 高遠東編選: 魯彥. 華夏出版社, 1997.

## La lastaj vortoj

*Reza Kheirkhah*

Ni venas al la fino de nia ĉi-numera Formoza Folio. Fakte ni havis unujaran prokraston por aperigi ĝin. La kialo i.a. estis ke Grego, la iniciatinto de tiu ĉi bulteno elmigris al Usono por loĝi tie.

Sed krom tio estas fakto ke ne multaj ĉi tie volas verki ion por la loka gazeto. Iuj diras ke ili estas okupitaj kaj aliaj diras ke ili ne kuraĝas verki kaj simile.

Laŭ historio de Esperanto-gazetoj en Tajvano, ĉiam la aperigo de tiaj gazetoj metis plenan ŝarĝon sur ŝultrojn de unu sola persono. Tial kiam ajn tiu persono elmigris, perdis motivon aŭ simple elĉerpiĝis, tiam la gazeto ĉesis aperi. Plena ŝarĝo signifas: verki, serĉi kaj peti artikolojn, redakti, enpaĝigi, printi kaj fine ekspedi; kaj ankoraŭ estis alia ŝarĝo: financa, tiel ke ĉiuj kostoj iris al unu sola persono (pri lasta problemo, nune ĝi ne tiom seriozas, ĉar almenaŭ parto de niaj legantoj estas abonantoj, kiuj pagas). Tial ĉiam niaj lokaj gazetoj havis mallongan vivoperiodon.

Sen plendi, mi nur esploras la kialojn de malapero de tiaj gazetoj. Do kion fari por eviti ĝin? Tre simple: ĉiu prenu unu parton de tiu respondeco kaj ĉiuj kunhelpu pri verkado kaj aliaj taskoj.

Verdire se ne estus Sabine (nia revizianto de kelkaj numeroj) kaj Pit, ambaŭ el Germanio, eĉ tiu ĉi prokrastita numero ne povus aperi. Se vi atente rigardas nian kolofonon sur la lasta paĝo, vi rimarkas ke plejparte estas eksterlandanoj kiuj faras la laboron por tajvana gazeto!

Mi ne plu volas skribi pri ĉio ĉi kaj esperеble vi komprenis kion mi volas diri. Do ni kune laboru por ke Formoza Folio daŭre kaj bonorde aperu kaj ĝi ĉiam restu verda kaj ne tiom frue sekiĝu sur la arbo de nia movado kiel okazis al aliaj folioj!

Feliĉan novan jaron al niaj legantoj enlande kaj alilande kaj ĝis la venonta numero, kiu aperu ene de tiu ĉi jaro, ne en la venonta!

## Anoncoj

### 2010 年 UEA 會費表

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 MG: | 會員含世界語運動指引 | 6 eŭroj = | **280 NT** |
| 2 MJ(-J): | 會員含年度手冊 (在 29 歲 [含] 前，不另加費成爲 TEJO 會員並收到 Kontakto 雜誌) | 16 eŭroj = | **750 NT** |
| 3 MA(-T): | 會員-訂閱者: 如 MJ(-T) 加上 Esperanto 會刊 | 40 eŭroj = | **1900 NT** |
| 4 MA: | 收到年度手冊, Esperanto 會刊, 在 29 歲 (含) 前, 收 Kontakto 雜誌 | 40 eŭroj = | **1900 NT** |

### Beletra Almanako

BA-Jarabono 2010 (3 numeroj: BA7, BA8, BA9) **1400 NT**
Ĉiu numero enhavos inter 140 kaj 176 paĝoj.
BA7 aperos proks. en Februaro, BA8 proks. en Junio kaj BA9 proks. en Oktobro 2010
Ĉiu numero enhavos inter 140 kaj 176 paĝoj.
http://www.beletraalmanako.com/aboni/index.html

### Juna amiko

Revuo por komencantoj, por unu jaro kaj 3 numeroj **500 NT**

### Formoza Folio

Unu numero **100 NT**
戶名：薛瑞察
存簿帳號: 0071001 1370724
郵局代號：700

Se vi deziras aboni iujn el tiuj gazetoj aŭ membriĝi en UEA bv. pagi la necesan sumon al la poŝtoficeja konto menciita kaj informi min.

Reza

# Kolofono

| | | |
|---|---|---|
| **Adreso:** | Reza Kheirkhah | |
| | 屏東市重慶路 105 號 900-73 Taiwan | |
| | Chung Ching Lu 105,<br>TW 900-73 Pingtung, Tajvano | |
| | Tel: +886-8-7326334, | Fakso: 7320579 |

| | |
|---|---|
| **Retadreso:** | rezamenhof@yahoo.com |

| | |
|---|---|
| **Redaktis:** | Reza Kheirkhah |
| **Reviziis:** | Sabine Hauge |
| **Enpaĝigis:** | Pit Hauge |
| **Tradukis:** | Wang Ju-kwei |

| | | |
|---|---|---|
| **Abontarifoj:** | enlanda: | 100 NT por unu numero |
| | eksterlanda: | 3 eŭroj por unu numero<br>(inkluzivas sendokoston)<br>(uea-konto: mrkk-c) |



Foto: Peellden

雪山，請看第 22 頁　　Neĝa Monto, legu sur paĝo 22



施韡恩和忍崗守隆於和平公園留影 ，請看第 6 頁

Kevin kaj Osioka en Paca Parko, legu sur paĝo 3